# KONTAKTO

NUMERO 201 (2004:3)

ISSN 0023-3692

# DISKRIMINACIO

- Virinoj en Irano
- Kion diras la Biblio pri samseksemeco?
- Sud-Afriko: ĉu "pozitiva diskriminacio"?
- Lingva kaj perlingva diskriminacio
- Kulturforumo Barcelono 2004


Dum E-aranĝo *Aroma Jalto* (Ukrainio, Krimeo)

Kio estas diskriminacio? La respondo ŝajnas evidenta, sed – ĉu vere *tiel* evidenta? Mi kun Joel longe diskutis ĉi-teme, ĉar evidentiĝis, ke ni havas iom malsamajn konceptojn pri tiu fenomeno. Joel inklinas al la vortara (t.e. N.PIVa) signifo de la vorto, mi – pli al la emocia flanko. La vero, kiel ĉiam, ŝajne estas ie meze...

En tiu ĉi numero vi eble malkovros por vi ion novan, sed – plej verŝajne – vi trovos pli da demandoj ol respondoj. Kaj multaj el ili estas retorikaj...

Sed antaŭ ol tuj iri al la artikoloj, unue ni rigardu en la vortaroj. Laŭ N.PIV, diskriminacio estas "oficiala aŭ efektiva apliko de iu distingo inter la loĝantoj de iu teritorio, per kiu oni rifuzas al parto el ili unu aŭ kelkajn el la homaj rajtoj". Laŭ mi, iom malklaras, ĉu "iu teritorio" povas esti ankaŭ la tuta mondo, se paroli pri diskriminacio de virinoj? La Granda Enciklopedio de Cirilo kaj Metodo (rusa) aplikas la nocion "diskriminacio" ne al loĝantoj, sed al "grupoj da civitanoj" (interese, kion fari pri homoj *sen* civitaneco?). Por esti plene skrupula, mi aldonos, ke la vorto "diskriminacio", kompreneble, havas latinan originon (discriminare – "disigi, apliki distingon", de "discrimen" – "diferenco").

Malfermas ĉi-tiun numeron artikolo de Morteza Mirbaghian, Irano/Usono (p.3-5). Li rakontas pri diskriminacio de virinoj en Irano kaj fakte ne nur pri tio. Daŭrigas la temon nia opini-enketo. La demandon, "ĉu ekzistas diskriminacio en via lando", respondis rusino, franco, brazilano kaj nederlandano.

Kion diras la Biblio pri samseksemeco? Tion esploris nia vic-redaktoro Joel, kaj la rezulto de tiu ĉi esploro eble surprizos vin (p.6-7)...

Pasis jam dek jaroj, ekde kiam oficiale finiĝis apartismo en Sud-Afriko, sed... multaj problemoj restas. Kia estas la situacio nun en tiu lando kaj entute, ĉu diskriminacio povas esti "pozitiva"? Informas Magali von Blottnitz, Sud-Afriko (p. 8-9).

40 milionoj da rusoj estas "diskriminaciataj". Kial? Ĉar ili havis la malfeliĉon naskiĝi en vilaĝoj... Pri tio rakontas Aleksej Serdjuk, Rusio.

Ne povis *Kontakto* preteratenti en la pridiskriminacia numero ankaŭ la demandon de lingva diskriminacio – pri tio ni havas eĉ du artikolojn: intervjuon kun la direktoro de la Brusela Komunikad-Centro Dafydd ap Fergus (p. 10-11) kaj artikolon de Luis Portella, Brazilo (p.12).

Iom malĝojiga (sed ĉu la temo "diskriminacio" entute povas esti "ĝojiga"?) estas la artikoloj de D-ro Vladimir Lemelev. Li informas pri la nuna stato de aidoso en la mondo (p.13).

Ĉi-jare en Barcelono okazas la Universala Forumo de Kulturoj *Barcelono 2004*, kie interalie estis prezentita UEA kaj baldaŭ estos prezentita TEJO. La organizantoj certas, ke tiu ĉi evento laŭskale povas rivali eĉ la Olimpikojn, kaj ke pro la forumo kvin milionoj da turistoj vizitos la urbon. Partoprenas la forumon multaj famuloj kaj neregistaraj organizoj, sed... multaj el ili cetere bajkotas ĝin. Kial? Rakonton el Barcelono vi trovos sur la 14a paĝo de tiu ĉi numero (la aŭtoro – Hèctor Alòs i Font, Katalunio).

Aldone mi diru, ke al tiu ĉi numero kontribuis 12 homoj el 10 landoj – Irano, Usono, Francio, Brazilo, Nederlando, Belgio, Rusio, Ukrainio, Katalunio kaj Sud-Afriko.

Agrablan legadon!

*Ĵenja*

## <ENHAVO>



### Temoj de la venontaj numeroj de *Kontakto*:

– 202 (2004:4): **LUDOJ** (historio de diversaj ludoj, ekzemple, ŝakoj; modernaj ludoj, interkulturaj ludoj). Limdato: la 30 de julio.

– 203 (2004:5): **RIFUĜINTOJ/HOMAJ RAJTOJ/TOTALISMO/DIKTATORECOJ**. Limdato: la 1a de aŭgusto.

– 204 (2004:6): **TERORO/TERORISMO** (inkluzive de hejma teroro/perforto). Limdato: la 1a de oktobro.

Ni ankoraŭ ne planis konkrete aliajn temajn numerojn. Skribu – tiu decido povas esti ja la VIA. Inter eblaj temoj estas la jenaj: **MANĜAĴOJ** (kial normalaĵoj en iuj landoj estas ŝokaj en la aliaj?); **POLITIKO** (diversaj politikaj ideoj kaj ideologioj, avantaĝoj kaj problemoj de demokratio, kapitalismo/socialismo k.s.); **MILITOJ** (historia aspekto, nuntempaj militoj); **TUTMONDIĜO; SEKTOJ** (kio estas "sekto"? kie estas la diferenco inter religio kaj sekto? kiel sektoj "kaptas" siajn viktimojn? ĉu malfacilas eskapi de sekto? kio ĝenerale allogas homojn en sektojn?); **TOLEREMO KAJ SOLIDARECO.** Krome, ekde tiu ĉi jaro *Kontakto* ekkunlaboras pri la projekto *Interkulturo* <www.interkulturo.net>. Kune kun la IK-teamo, *Kontakto* preparos artikolojn rilatajn al kultura diverseco, interkultura lernado, interkulturaj konfliktoj ktp. Viaj artikoloj / ideoj ĉi-temaj kaj ajnatemaj estas pli ol bonvenaj!

* Noto: se vi interesiĝas pri la temo, kies limdato jam pasis, sendu vian artikolon ĉiuokaze – ĝi simple estos publikigita en posta numero.

Enkonduke





**Foto 1 *(la 19a jarcento)*: persa virino. Fotoj 2-3 *(la 21a jarcento)*: civila malobeo kontraŭ diskriminacio. La publika afiŝo en Tehrano tekstas: "Laŭ la religia ordono (Fatva) de la irana plej supera gvidanto, virinoj ne rajtas bicikladi publike". Kiudirekten iras la tempo?..**

*Morteza MIRBAGHIAN, Irano/Usono*

# Diskriminacio laŭ mia vidpunkto

**Mi ankoraŭ estis tre juna, kiam mi unuafoje aŭdis pri diskriminacio. Temis pri rasa diskriminacio en Sud-Afriko kaj Usono. Ne necesis multe da inteligenteco por ke eĉ sensperta adoleskanto kiel mi perceptu ĝian brutalecon. Mi do nature kaj tutkore kompatis la nigruloj, kiuj suferadis pro diskriminacio kaj samtempe fieris, ke tia nehumana konduto ne ekzistas en mia patrujo – Irano. Sed mi estis tro juna por percepti aliajn specojn de diskriminacio, kiuj ekzistas en mia propra vivmedio – diskriminacio kontraŭ virinoj, handikapitoj, religiaj kaj etnaj minoritatoj, malriĉuloj ktp...**


Publika ekzekuto de virino en Afganio dum regado de la talibano


Iranaj virinoj devas kovri sin publike, prefere per larĝa kovrotuko *ĉador*


Iranaj gestudentoj partoprenantaj en politika kunveno por demokratio


Afgana virino laboras servute, vivas senrajte, kovrite kaj mute!

Diskriminacio estas ja tikla fenomeno: ĝi tiel profunde radikas en la kredoj kaj kulturoj de la diskriminaciantoj (kaj eĉ diskriminaciatoj), ke ĝi ŝajnas al ili tute natura. Sekve oni aŭ tute ne konscias pri ĝia ekzisto, aŭ sincere pravigas ĝin kiel ĝustan kaj justan fenomenon, des pli kiam oni en tia medio naskiĝas, kreskas kaj senkonscie lernas kaj praktikas ĉion – ĉu bonan aŭ malbonan, inkluzive diskriminacion. En la historio de la homaro ĉiam abundis diversaj specoj de diskriminacio – ŝanĝiĝis nur ĝiaj aspektoj.

Pratempe, kiam pro manko de klereco kaj scio superstiĉaj kredoj estis vaste regantaj en la socioj, oni multe diskriminaciis handikapitojn. Blinda aŭ misforma bebo estis konsiderata plago, je kiu necesis seniĝi, por ke malbeno ne trafu la familion aŭ la vilaĝon. Tiaj kutimoj eĉ speguliĝas en la fabeloj. Eble vi memoras fabelojn, kiuj komenciĝas pli-malpli jene: "Iam en pratempo naskiĝis en reĝa familio blinda bebo. La reĝo kolere ordonis mortigi ĝin, kaj la bonkora servisto portis ĝin en ĝangalon, sed anstataŭ mortigi, lasis ĝin en skatolo, por ke la naturo zorgu pri ĝia sorto...". Tia diskriminacio nun aspektas ridinde neracia kaj maljusta, sed ja estas fakto, ke ĝi estis vaste praktikata. Laŭ historiaj libroj, en iuj arabaj triboj (kaj verŝajne ankaŭ ĉie en la mondo) oni kutimis tuj enterigi ĵusnaskitan inseksan bebon. En antikva Grekio oni mortigis malbelajn aŭ handikapitajn bebojn, por ke ĉiuj civitanoj estu perfekte belaj kaj sanaj...

Feliĉe, ni vivas en epoko, kiam ne plu okazas tiaj specoj de diskriminacio. Sed ne rapidu saltadi pro ĝojo, ja ankoraŭ ekzistas aliaj specoj de diskriminacio – kontraŭ virinoj kaj diversaj minioritatoj: rasaj, etnaj, religiaj, lingvaj, aĝaj, politikaj, seksinklinaj kaj aliaj. Dank' al la Deklaracio de Homaj Rajtoj kaj favoraj leĝoj, ĉiuj aspektoj de diskriminacio en la civilizita mondo konstante malpliiĝas, sed restas ankoraŭ longa vojo irenda...

## Kultura kaj leĝa diskriminacio

La plej grava parto de diskriminacio devenas de kredoj, kutimoj kaj tradicioj de certa nacio, etno aŭ homa grupo; alia parto devenas de iliaj leĝoj, filozofioj kaj politika, socia kaj ekonomia situacioj. Leĝan diskriminacion pli facilas elimini tiam, kiam malaperas aŭ signife malfortiĝas ĝia fono. Ekzemple, en Irano, kie vivas tradicie patriarkaj etnoj, en la plejparto de la lando abundas diskriminacio kontraŭ virinoj, sed ĝia kultura fono signife malgrandiĝis. Nun viroj pli kaj pli emas kredi je seksa egaleco, sed ankoraŭ abundas leĝa diskriminacio kontraŭ virinoj...

Laŭ la leĝaro, virinoj en Irano daŭre ne rajtas okupi iujn postenojn: ekzemple, ili ne rajtas esti prezidento aŭ juĝisto (verŝajne, ĉar oni antaŭjuĝe kredas, ke virinoj ne povas racie juĝi, aŭ ĉar ili estas emociaj personoj kaj ne povas puni krimulojn). Sed havi delikatajn sentojn kaj humanajn emociojn ja ne estas malbone – eĉ male, tio ja estas tute necesa por ke juĝisto ne kondamnu senkulpulojn aŭ ne verdiktu kruelajn punojn! Kaj ĝuste tiaj juĝistoj en niaj socioj ofte mankas... Virinoj ankaŭ ne rajtas, laŭ la iranaj leĝoj, esti atestantoj pri iuj krimoj, aŭ la nombro de inaj atestantoj devas esti duoble pli granda ol tiu de viraj atestantoj, por ke iliaj atestoj estu same validaj.

## "Seksa egaleco" laŭ la ŝario

Iranaj virinoj ankaŭ ne havas rajtojn egalajn al tiuj de viroj, kiam ili mem estas viktimoj de krimo. Ekstrema ekzemplo: se viro estas murdita, lia familio rajtas postuli, ke la murdinto estu kondamnita al mortpuno. Tamen, se la viktimo estas virino, tian rajton ŝia familio principe ne havas, ĉar ŝia "sango-valoro" egalas duonon de tiu de viro, do necesas pagi la "ceteran duonon" al la familio de murdinto (!) por akiri la rajton mortpuni la krimulon. (Sed ĉiukaze mi konsideras mortpunon primitiva, kruela kaj nehumana, kaj absolute kontraŭas ĝin.)

Aliflanke, virinoj en Irano suferas la samajn punojn, kiel viroj. Ekzemple, se temas pri puno per vipoj, virino ne rajtas "ĝui" duonon de viraj rajtoj, t.e. ankaŭ duonon de puno por la sama krimo. Ŝi suferas la saman, kaj eĉ plian, ĉar pro korpa delikateco kaj malforteco ŝi sentas multe pli da doloro (kvankam tia puno estas brutala kaj por viroj, kaj por virinoj).

Alia ekzemplo estas puno per ŝtonumado – eble, la plej kruela el ĉiuj... Dum la puno, viro staras en fosaĵo ĝis la talio, kaj tio ankoraŭ donas al li la ŝancon forfuĝi kaj tiel savi sian vivon – tiukaze oni ne plu ŝtonumas lin. Sed virino devas stari tie ĝis la ŝultroj, do, ŝi havas neniun ŝancon eskapi...

Suferas diskriminacion virinoj ankaŭ rilate divorcon. Postuli divorcon estas esence vira rajto – virino tre malfacile povas liberiĝi de misfunkcianta geedziĝo. Nun la situacio pliboniĝas. Ekzemple, per geedziĝ-kontrakto oni povas transdoni al virino interalie la rajton je divorco, kaze de certaj kondiĉoj (ekzemple, se viro por longa tempo malaperis, faris gravan krimon, kondutis kruele ktp.). Kompreneble, ŝi



Mondfamaj iranaj artoj: arkitekturo kaj tapiŝ-teksado; pri la lasta okupiĝas nur virinoj



Eĉ ILI povas esti arestitaj! En Irano al virinoj estas permesate nek sportludi publike, nek vesti sin tro moderne...

devas tion pruvi, kio ne estas facila afero, kaj ĝis nun la plejmulto da virinoj en Irano ne havas rajton je divorco sen konsento de la edzo...

## Elstaranta najlo estu enbatita...

En mia lando virinoj devas ankaŭ vestiĝi en certa maniero, difinita de la leĝo: ekzemple, kovri la hararon, surmeti mantelon ktp. kaj ĝenerale konduti laŭ la t.n. Morala Kodo. Sed tio ne estas diskriminacio *nur* kontraŭ virinoj. Ankaŭ viroj devas konduti kaj vestiĝi en certa maniero, alikaze ili riskas ricevi severan kaj humiligan punon. Fakte la minoritato, kiu regas la landon, altrudas sian vivmanieron al la cetero de la popolo... Ili foje mobilizas policistojn kaj banditojn por ataki ĉiujn, kiuj ne vestas sin laŭ ilia plaĉo, kaj tio okazas je la nomo de batalo kontraŭ morala koruptiĝo... Ekzemple, junulo kun longa hararo, virino kun malmodesta (iliaopinie) vestaĵo estas objekto de surstrata batado, forpelo el la lernejo aŭ laborloko, aresto, puno ktp.

Okazas en Irano ankaŭ aliaj specoj de diskriminacio kontraŭ virinoj, malgraŭ ke ili estas tre kleraj kaj eĉ okupas gravajn postenojn en la parlamento kaj registaro. La nombro de studentinoj nun verŝajne eĉ superas tiun de studentoj, kaj abundas en Irano virinoj kun plej altaj diplomoj en diversaj fakoj. Sed estus maljuste ne mencii, ke, malgraŭ ĉio, iranaj virinoj multe pli feliĉas ol virinoj en multaj aliaj partoj de la mondo, kie ili ne rajtas voĉdoni, viziti lernejon, veturigi aŭton, viziti kuraciston, paroli kun viro sen akompano de patro, edzo aŭ frato ktp... En Afganio virinoj ne rajtas eĉ rekte alparoli kuraciston – ili priskribas la problemon al la akompananto kaj li "peras" la informojn. Ridinde kaj danĝere, ĉu ne?

Sed ĉio tio ne signifas, ke en la t.n. progresintaj partoj de la mondo virinoj jam plene ĝuas egalecon kun viroj. Ekzemple, en multaj laborlokoj de Usono por la sama laboro virino ricevas je 30% malpli altan salajron ol viro. Malgraŭ ke tio estas malpermesata, oni ankoraŭ praktikas tion... Dum virinoj konstante batalas por siaj rajtoj (ekzemple, la rajto je aborto), ĝis nun gravajn postenojn plejparte okupas viroj... Kial? Ĉar pri virinaj aferoj – ĉu rajtoj, ĉu devoj, ĉu punoj – tradicie kaj laŭreligie decidis viroj. Kaj tiuj antaŭjuĝoj, superstiĉoj kaj maljustaĵoj konservis siajn radikojn en la religiaj tradicioj kaj leĝoj...

Sed diskriminacio en mia lando ne finiĝas je tiu kontraŭ virinoj aŭ junuloj pro moralaj aŭ politikaj aferoj. Ĝi estas praktikata ankaŭ en aliaj rilatoj, ekzemple, en diskriminacio kontraŭ etnaj kaj religiaj minoritatoj.

La konstitucio difinas islamon kiel la oficialan religion de la lando kaj rekonas nur tri aliajn religiojn: kristanismon, judismon kaj zoroastrismon. Kaj ĝuste tio estas la radiko de diversaskpekta diskriminacio kontraŭ religiaj minoritatoj. La plej severan diskriminacion suferas bahaanoj, kies religio ne estas agnoskita en la konstitucio. Ili ne rajtas viziti ŝtatajn lernejojn, esti dungitaj en registaraj organizoj, ricevi ŝtatajn servojn ktp. Iuj el ili eĉ pagis la vivon por sia kredo... Sed ne nur kredantoj de aliaj religioj estas objekto de diskriminacio – ankaŭ adeptoj de aliaj branĉoj de islamo (krom ŝijaistoj) estas malfavorataj, kvankam malpli severe ol alireligianoj.

Inter la etnaj minoritatoj, estas vaste konata diskriminacio kontraŭ kurdoj, kiuj de longa tempo batalas por sendependeco aŭ aŭtonomio.

## Ĉu diabla cirklo?..

Do malgraŭ diversaspekta progreso de niaj socioj, diskriminacio ankoraŭ ekzistas ĉie, nur la formoj diferencas. Kaj ĉiuj ni diversmaniere kaj diversgrade ne nur foje suferas pro ĝi, sed, plej verŝajne, kvankam senkonscie, eĉ praktikas ĝin. Ja granda parto de

### "Mi ne komprenas, kiel alilandanoj entute povas loĝi en nia urbo..."

*Katja Ljubuŝina, Rusio (Moskvo), 20-jaraĝa*

Mi estas moskvanino kaj jam du jarojn laboras en komerco. Mi komencis labori kiel reklamisto kaj pensas, ke tio estas la sola komerca **posteno**, kie virinoj (pli ĝuste junulinoj) povas en-posten-iĝi pli facile ol viroj. Aliaj postenoj estas "**destinitaj**" precipe por viroj, kvankam virinoj povas fari tiun laboron ne malpli bone ol viroj – tie vira laborforto ja tute ne bezonatas.

Mi ne volas diri, ke serĉi laboron en komerco por virino estas tre malfacile, sed, ĝenerale, viro estas pli dezirata, precipe se li havas propran aŭton, ĉar en nia laboro necesas multe veturi. Kaj ankaŭ rilate aŭtojn seksa **diskriminacio** estas grandega! Mi supozas, ke ĉiuj ni konas ŝercojn pri inaj aŭto-vetur-ig-antoj, kvankam, laŭ sciencaj esploroj, virinoj veturigas aŭtojn pli bone ol viroj, ĉar ĝuste virinoj estas pli respond-ec-aj kaj ordemaj.

Sed, certe, nun en Moskvo seksa diskriminacio ne estas tiel terura kaj dis-vast-iĝ-inta, kiel nacieca diskriminacio! Mi ne komprenas, kiel ali-landanoj entute povas loĝi en nia urbo... Preskaŭ ĉiusemajne en la novaĵoj oni rakontas pri **krimoj** de la nov-**nazioj** (haŭtkapuloj), kaj pri eĉ pli multaj krimoj oni ja simple ne rakontas. Kaj nun pro **teror**-atakoj eĉ ordinaraj moskvanoj malbone rilatas al alilandanoj, precipe al mez-azianoj. Mi mem, se mi vidas tian homon en buso aŭ **metroo**, rememoras pri la teror-atakoj en la moskva metroo... Aliaj veturantoj **kondutas** malafable al ekster-landanoj kaj povas eĉ diri malagrablaĵojn.

Mi opinias, ke nacia kaj rasa diskriminacioj estas inter la grandegaj problemoj de la tuta homaro, kaj mi ne kredas, ke prezidentoj aŭ internaciaj organizaĵoj povos solvi ĝin...

**destinita** – farita speciale por
**diskriminacio** – ne-egaleca traktado de iu homgrupo
**konduti** – agi iamaniere en siaj rilatoj kun aliaj homoj
**krimo** – pun-inda ago
**metroo** – (plejparte) sub-tera en-urba vagonaro
**nov-nazio** – homo, kies ideoj similas al tiuj de nazioj – membroj de Germana Naci-Socialisma Laborista Partio (1920-1945)
**posteno** – ofico
**teroro** – uzado de timo kaj per-fortaj agoj por efektivigi politikajn celojn

### "En Brazilo regas socia apartismo..."

*Miguel Boeira Vianna, Brazilo (Porto Alegre)*

Multaj **sociologoj** diras, ke en Brazilo regas socia **apartismo**. Strat-infanoj, ekzemple, ne rajtas eniri vendejojn, flug-havenojn ktp. – pri tio zorgas specialaj **gardistoj**... La plej malriĉaj homoj en Brazilo ĝenerale estas nigruloj: tre malfacilas trovi nigrulojn studantajn en universitato. En mal-liberejoj ĉio aspektas tute male: la plejmulto da mal-liber-ig-itoj estas ja nigruloj... Kaj jen kelkaj pliaj ekzemploj.

En porto-alegra **supermarkto** *Zaffari* oni ĝis antaŭ kelkaj jaroj ne permesis al nigrulaj virinoj labori ĉe la **kaso**. Nun tio ne plu okazas, ĉar la urb-estr-aro devigis al la estroj, ke almenaŭ 5% de iliaj laborantoj estu nigruloj.

En la aŭtomobila **fabriko** *General Motors* en la urbo Gravataí Gilberto Biesek estis maldungita, ĉar li estas sam-seks-em-ulo (poste li tamen pro tio ricevis mon-**kompenson**).

Kaj la lasta ekzemplo – en infana televid-programo oni prezentis teatr-aĵ-eton,

tia konduto tiel profunde enradikiĝis en niaj kulturoj kaj tradicioj, ke ofte estas malfacile eĉ rekoni ĝin. La ĉefa kialo de tio estas ke por multaj homoj malfacilas pensi sendepende kaj malfermi la menson al novaj opinioj kaj sociaj fenomenoj... Homoj nature estas konservativaj. Ili ne volas forlasi la komfortan zonon kaj malnovajn kredojn, opiniojn, tradiciojn, kaj pensi pri novaj kaj avangardaj aferoj. Ili volas kredi je tio, je kio kredis iliaj gepatroj; ili ne emas iomete streĉi la cerbon per serioza kaj kritika pensado. Oni bezonas longan tempon por kompreni aliulojn, kies vivmaniero, kredo, kulturo, lingvo ktp. diferencas de iliaj propraj. Kaj kiam li finfine komprenas kaj agnoskas tiujn "strangulojn", aperas nova malfacile "digestebla" socia fenomeno aŭ ideo, kiun li konsideras absurda, kontraŭmorala... Kaj tiel la diabla cirklo eterne turniĝas.

La solvo, almenaŭ je la individua kaj kultura niveloj, estas unufoje kaj por ĉiam paciĝi kun la fakto, ke aliaj individuoj estas malsamaj, kaj ili rajtas havi siajn proprajn kulturon, vivmanieron, kredon, lingvon. Se oni akceptos tiun fakton kiel normalaĵon kaj respektos ĝin – tiam la kultura bazo de diskriminacio ŝanceliĝos, kaj tio vole-nevole kaŭzos disfalon de diskriminacio, kiun oni kreis per leĝoj, ĉar nenia leĝo aŭ registaro povas longe ekzisti sen socia bazo kaj subteno de la plejmulto da socianoj. Grandan rolon ĉi tie ludas ankaŭ edukado kaj scio.

## Humaneco estas mia religio!

Kiam mi ankoraŭ estis mezlernejano, samkiel preskaŭ ĉiuj aliaj, mi pensis, ke ni, irananoj, estas la plej altkulturaj homoj, ke nia arto estas la plej bona, nia historio estas la plej brila, nia lingvo estas la plej bela, nia poezio estas la plej ĉarma ktp. Tio donis al mi la ideon, ke mi apartenas al pli supera nacio. Sed kio pri aliaj homoj en aliaj partoj de la mondo? Mi multe legis pri aliaj kulturoj kaj civilizacioj, sed la fajro de mia scivolemo ne estingiĝis, ĝis kiam mi aŭtodidakte lernis Esperanton kaj komencis korespondi kun samideanoj el diversaj partoj de la mondo. Libroj kaj revuoj inundis al mi, kaj mi voris ĉion, kion mi akiris. Poste mi vizitis aliajn landojn kaj lernis, ke ĉiuj ili havas belegajn kulturojn, lingvojn, historiojn. Jes ja, la historio de mia kara patrujo estas antikva kaj glora, sed ne mankas en ĝi hontindaj kaj kruelaj sangoverŝadoj kaj maljustaj kondutoj kontraŭ aliaj etnoj kaj nacioj, pri kio mi ja hontas. Jes, la perslingva poezio estas nekredeble bela, sed ankaŭ en aliaj lingvoj ekzistas tia poezio, kaj ni ja ne estis nek estas la unusola kreema popolo sur la Tero. Ĉiu lingvo estas bela por ties parolantoj, kiuj en tiu lingvo kreskas, amas, sonĝas... Ĉu ni, esperantistoj, ne ĝuas belarton en Esperanto, samkiel belarton en niaj lingvoj, dum neesperantistoj ne povas imagi tion pro antaŭjuĝo kaj manko de scio?..



Arto en mia lando havas longan kaj prifierindan historion, sed ankaŭ en aliaj partoj de la mondo arto havas same longan kaj prifierindan historion, kaj ekzistas nacioj, kies arta aŭ civilizacia historio pli longas ol la mia (ĉina, egipta, hinda)... Kaj kio pri helena kaj romia civilizacioj? Min fascinas la arkitekturo en mia lando, sed kio pri Eŭropo kaj aliaj partoj de Azio? Kio pri mirinde belegaj Prago, Budapeŝto, Vieno, Romo, Venecio, Florenco, Parizo, Kioto?.. Kio pri japanaj temploj, antikvaj aziaj konstruaĵoj, la Granda Muro en Ĉinio? Kio pri la moderna arkitekturo en Usono? Jes, persaj tapiŝoj estas unike belaj, sed ĉiuj nacioj havas siajn proprajn unikajn artajn kreaĵojn, kiujn ni devas agnoski, same kiel ni atendas, ke oni agnosku la niajn.

Dank' al Esperanto mi lernis, ke mi estas nek pli bona nek malpli bona ol aliaj homoj. Mi diferencas de ili kaj ili diferencas de mi laŭ kulturo, raso, sekso, haŭtkoloro, religio, lingvo ktp., sed ni ĉiuj estas homoj *egalaj,* kaj estas stulte konsideri sin pli bona aŭ antaŭjuĝi aliajn homojn pro ilia diferenco. Mi lernis, ke mi pli profunde ĝuas la vivon respektante aliajn homojn, kiuj diferencas de mi ajnarilate.

Antaŭ longa tempo mi havigis al mi personajn poŝtkartojn por korespondado kun samideanoj. Sur ili estas skribitaj tri principoj de mia vivo: 1. Humaneco estas mia religio. 2. La mondo estas mia lando. 3. Esperanto estas mia lingvo. Tiuj ĉi tri principoj baras la vojon al ajna diskriminacio! La mondo sen diskriminacio estus paradize bela, kaj ni esperu kaj strebu plibeligi nian mondon. La mondon sen diskriminacio, kiu egale apartenas al ĉiuj. Kaj tio signifas: ĈIUJ.

Opinie

kie la filo de la reĝo en-amiĝis al **en-sorĉ-ita simi-ino**. Kiam li kisis la simiinon, ŝi fariĝis belulino. Ne necesas diri, ke la rolon de la simiino ludis nigrulino, kaj la rolon de la belulino – blankulino...

**apartismo** – apartigado de certaj nacioj aŭ homaj grupoj
**ensorĉita** – trans-form-iĝ-inta pro supernaturaj fortoj (en fabeloj ktp.)
**fabriko** – produktejo
**gardisto** – zorganto pri ies vivo; ĉi tie: policisto
**kaso** – loko en vendejo, kie oni pagas
**kompenso** – per-mona pardon-peto pro suferoj
**simio (simiino)** – besto, simila al homo
**sociologo** – sciencisto, kiu studas la homan socion
**supermarkto** – grandega vendejo

### Kiam ŝtato pagas por... mortigado

*Francisco Simonnet, Francio*

En mia lando ekzistas pluraj specoj de diskriminacio. Sed la plej rimarkinda kaj **abomena** estas la teroro kontraŭ la plej sendefendaj kaj senkulpaj homoj: ankoraŭ ne naskitaj infanoj. De pli ol dudek jaroj oni faris tion per dis-pec-iga **buĉado**; de iom malpli longe ankaŭ helpe de **ĥemiaĵo**, se ili estas tro junaj, do tro etaj por uzo de la antaŭaj metodoj. La nunaj leĝoj ne rigardas tiun mortigadon puninda (krom en kelkaj apartaj kazoj, ekzemple, se virino estas relative proksima al la nasko-tempo, sed tiun limon oni antaŭnelonge antaŭenigis por ebligi mortigon de pli multaj **beboj**...).

En tre multaj ŝtataj organizoj, ankaŭ en malsanulejoj kaj naskejoj, oni eĉ **instigas** patrinojn al mortigado de siaj infanoj, aparte tiam, kiam estas supozo, ke tiuj estos iel **kriplaj**. En mezlernejoj oni tre preme instigas la junajn patrinojn (kutime eĉ sen scio de ties propraj gepatroj) al mortigado de siaj nenaskitaj infanoj – ankaŭ tiam, kiam nenio montras, ke tiuj estus kriplaj. (Mi apenaŭ kuraĝas levi la demandon, ĉu estas pli abomeninde mortigi homon pro ties kripleco aŭ simple pro tio, ke oni ne volas havi novan homon.) Aldone al tio, la ŝtato eĉ pagas aŭ dev-ig-as **asekur**-kompaniojn pagi la kostojn de tia mortigado.

**abomena** – tre malbona
**asekur**-kompanio – kompanio, kiu pagas, se io malbona okazas
**bebo** – tre juna infano
**buĉado** – kruela mortigado
**ĥemiaĵo** – ne-natura science farita preparaĵo
**instigi** – igi iun fari ion
**kripla** – mis-forma

### 15-jara laboranto rajtas je nur 35% de "plenkreskula" salajro...

*Ronaldo Nobel, Nederlando*

Diskriminacio en Nederlando? Jes, ĝi ekzistas. Kaj plej **okul-frapa** estas, kiam temas pri leĝa minimuma **salajro**. Ĝi ne estas sendependa de la aĝo, kaj sekve 15-jara laboranto rajtas postuli nur 35% de la salajro, je kiu rajtas homo ekde la aĝo 23.

Alia problemo estas ke 10% de la popolo havas **alergion** al **tabak**-fumo, sed preskaŭ neniu kafejo aŭ **diskoteko** estas sen-fuma...

**alergio** – troa sent-emo de la korpo al iu aĵo (ekzemple, fumo)
**diskoteko** – dancejo
**salajro** – regula pago por laboro
**tabako** – planto, el kies folioj oni faras cigaredojn



# Geja Episkopo?!

## Kion *vere* diras la Biblio pri samseksemeco

Gene ROBINSON ricevas la mitron, la simbolon de la episkopeco, de sia partnero

*Joel AMIS, Usono/Nederlando*

**En somero 2003 la kristanaron skuegis la elekto de kanoniko* Gene [ĝin] ROBINSON, geja viro en monogamia samseksa rilato, kiel episkopo de la Nov-Hamŝira Diocezo** de la Usona Anglikana Eklezio (angle: *Episcopal Church, U.S.A.*). Liberaluloj kaj progresemuloj ĝojis, konservativuloj koleregis kaj kondamnis la decidon... sed la granda plejmulto da usonaj anglikanoj restis pendantaj en konfuzo kaj ambigueco...**

Ĉi tiu okazaĵo estas unu elstara evento en religia/morala debato, kiu dum la lastaj jaroj disdividas usonajn ekleziojn kaj, iusence, ankaŭ la usonan socion. Temas ja pri la debato pri homa sekseco. Ĉi tiu temo estas ege tikla, ĉar ĝi tuŝas moralecon, personan identecon, emociojn kaj ja homajn rajtojn. Kaj, kiel multaj tiklaj demandoj de la vivo, la problemoj, kaj eventuale ankaŭ la solvoj, radikas en religio.

Tra la historio de kristanismo samseksema konduto estis ĝenerale universale kondamnata kiel "abomenaĵo", t.e. terura peko antaŭ Dio, kaj do neniel tolerebla. Sed ĉi tiu sinteno de kristanismo ne nepre spegulas iun universalan aŭ "naturan" juĝon, ĉar en la helena kaj romia socioj samseksema konduto estis tolerata kaj akceptata. Sed pro la influo de kristanismo sur okcidentan kulturon samseksemeco iĝis konsiderata io "malnatura"... eĉ post la malfortiĝo de eklezia influo. Antaŭe eĉ psikologoj konsideris samseksemon psika malsano. Nur fine de la 20a jarcento pro evoluoj en psikologio kaj sociaj progresoj sur diversaj kampoj (virinaj rajtoj, seksa emancipiĝo ktp.) sintenoj pri samseksemeco ŝanĝiĝis. En la lastaj jaroj tiu evoluo finfine atingis la ekleziojn... kaj nun la reakcia kaj progresema kampoj luktas inter si por decidi la direkton de kristanismo. Unue ni skize rigardu la alirojn de konservativuloj kaj liberaluloj al religio, kaj poste pli precize ekzamenu la tradiciajn argumentojn, kiuj kondamnas samsekseman konduton kaj la respondajn kontraŭargumentojn.



Episkopo Gene ROBINSON, Episkopo de la anglikana Diocezo de Nov-Hampŝiro

Kristanaj konservativuloj kaj fundamentistoj (almenaŭ Protestantaj) ĝenerale konsideras la Biblion la senerara vorto de Dio. Tio signifas, ke Dio aŭ senpere diktis ĝin, aŭ inspiris la verkintojn, tiel ke ili transdonis almenaŭ la esencan dian veron. Do tial la morala instruo kaj historia ĝusteco de la Biblio estas nepridubeblaj. Konservativuloj do ĝenerale konsideras moralecon absoluta, ĉar Dio starigis klarajn eternajn leĝojn, kiuj aplikeblas al ĉiu. Laŭ ili, samseksema konduto estas ĉiam peka per si mem, senkonsidere la cirkonstancojn. Aldone, ili tre ofte konsideras samseksemecon libervole elektita vivstilo anstataŭ denaska aŭ deinfanaĝa inklino.

Liberalaj aŭ progresemaj kristanoj, aliflanke,



Episkopo ROBINSON kun Episkopino Barbara HARRIS, kiu en 1989 fariĝis la unua virino elektita al la anglikana episkopeco

kutime konsideras la Biblion baze homa verko, verkita sub dia inspiro. Tio signifas, ke kvankam la spirito de la Biblio esprimas diajn verojn, la historiaj detaloj kaj vortvorta signifo de la tekstoj ne ĉiam fidindas... la verkintoj estis ja finfine produktoj de siaj epokoj kaj kulturoj, kaj ne simple skribiloj en la mano de Dio. Laŭ liberalaj kristanoj, samseksema konduto ne estas peka per si mem, sed, kiel ĉia seksa konduto, dependas de la koncerna rilato. Do, seksa rilato ene de reciproke ama, monogamia samseksa paro estas same morala, kiel seksa rilato ene de monogamia aliseksema paro, dum hazarda aŭ perforta seksumo estas malmorala en ĉiuj kazoj. Krome, liberaluloj emas konsideri samseksemon ne io memelektita, sed io decidita de genetiko aŭ produkto de fruaj infanaĝaj spertoj.

### Bibliaj Argumentoj: Malnova Testamento

*La rakonto pri Sodomo (Genezo 19)*

Ĉi tiu fama rakonto estas, verŝajne, la plej ofte citata teksto kontraŭ gejoj. Ĝi estas tiel fama, ke ĉi tiu teksto eĉ donis al nia kaj aliaj lingvoj la vorton "sodomio". La Biblio rakontas, ke Dio sendis du anĝelojn al la malvirtega urbo Sodomo por averti la pian viron Lot kaj lian familion, ke Dio baldaŭ detruos Sodomon. Lot gastame bonvenigis la anĝelojn en sian domon. Nokte ĉiuj homoj de la urbo "de maljunuloj ĝis junuloj" ĉirkaŭis la domon de Lot kaj vokis al li: "*Kie estas la viroj, kiuj venis al vi dum la nokto? Elirigu ilin al ni, por ke ni ilin ekkonu.*" (Estas klare, ke ĉi tie, kiel ofte en bibliaj tekstoj, "koni" signifas "seksumi kun"). Lot eliras kaj pledas, ke ili tion ne faru al liaj gastoj kaj proponas eĉ siajn virgajn filinojn anstataŭe. Sed tio nur kolerigas ilin. Konservativuloj ĝenerale konsideras ĉi tiun tekston klara kondamno de samseksemeco. Sed ĉu vere eblas kompari la situacion en ĉi tiu rakonto kun moderna geja rilato? De objektiva rigardo ne. La sodoma rakonto priskribas ne interkonsentan, aman seksrilaton, sed ja grupan seksperforton! Oni devas tiam demandi sin, ĉu konservativuloj kondamnus aliseksemon, se anstataŭ viranĝeloj en la rakonto rolus anĝelinoj?.. Evidente ne! Oni konsiderus ĝin kondamno de seksperforto, ne de aliseksemo. Do plej verŝajnas, ke ĉi tiu rakonto estas kondamno de samseksa *seksperforto,* kiu estas, kiel ĉia seksperforto, abomenindaĵo.

Plia konsidero estas ke la sodomanoj estas kondamnindaj ne nur pro ilia deziro seksperforti, sed des pli ke ili intencis seksperforti eĉ *gas-*

*tojn.* En mezorientaj kulturoj, nun kaj ankaŭ tiam, gastamo estas sankta devo – pro tio Lot proponas eĉ *siajn filinojn* por protekti la gastojn. La sodomanoj rompis ĉi tiun sanktan regulon.

## La Mosea Leĝaro

La Mosea Leĝaro en la Torao (la unuaj kvin libroj de la hebrea Biblio aŭ kristana Malnova Testamento) enhavas 613 ordonojn (donitajn de Dio al Moseo), el kiuj 365 estas malpermesoj. La Leĝaro malpermesas i.a. koiton kun menstruanta virino, razadon aŭ hartondadon, tatuojn, portadon de vestaĵoj faritaj el kunmiksita ŝtofo, manĝadon de porkaĵo, de konkuloj kaj aliaj nekoŝeraj manĝaĵoj k.s. Krome, troviĝas ordonoj, ke tiuj, kiuj misuzas la nomon de Dio, infanoj, kiuj malbenas siajn gepatrojn kaj adultuloj estu mortigitaj. Evidente, modernaj kristanoj, eĉ ekstremaj fundamentistoj kaj konservativuloj, ignoras la grandan plejmulton de la Mosea Leĝaro. Sed malgraŭ ke oni ignoras tiom da ordonoj, oni tamen ofte citas la jenan verson el la Leĝaro por kondamni gejojn: "*Kaj kun virseksulo ne kuŝu, kiel oni kuŝas kun virino: tio estas abomenaĵo*" (Levidoj 18:22). La plej evidenta kritiko de ĉi tiu argumento rilatas *ne* al la interpreto de la verso mem, sed simple al la fakto, ke oni observas specife *ĉi tiun* malpermeson dum oni plene flankenlasas amason da aliaj. Sed eĉ se akcepti la validecon de la verso mem, ĝi tamen ne estas certa kondamno de "gejeco" laŭ la moderna difino.

En la Leĝaro oni difinas du specojn de pekoj: morala peko kaj rita malpureco. Morala peko indikas ian ribelon kontraŭ absoluta dia leĝo, dum rita malpureco indikas ian malobservon de la juda ceremonia leĝaro (t.e. la ritoj kaj kutimoj, kiuj distingas la hebrean popolon disde aliaj). Jen klaraj ekzemploj: murdo = morala peko; manĝado de porkaĵo = rita malpureco. Do, pri kiu speco oni parolas en la verso 18:22? Tio certe debateblas. Sed la vorto tradukita Esperanten kiel "abomenaĵo" pli precize indikas "ritan malpurecon" (do, abomenaĵo laŭ la juda ceremonia leĝaro, sed ne absolute) – tiukaze, eĉ se ĝi kondamnas samsekseman konduton, tiu regulo koncernas nur la hebrean popolon. Krome, pro tio ke multaj leĝoj en la Mosea Leĝaro rilatas al la malpermeso de paganaj religiaj praktikoj, tre verŝajnas, ke ĉi tiu verso celas specife samseksajn paganajn templajn seksritojn (kutimajn en tiamaj paganaj religioj). Ĉiuokaze, ĝi ŝajne ne prikomentas seksajn rilatojn ene de monogamia geja paro – afero, kiu simple ne ekzistis en tiu socio.

## Bibliaj Argumentoj: Nova Testamento

*Epistolo de la Apostolo Paŭlo al la Romanoj*

Kvankam eblas de kristana vidpunkto eĉ preteratenti argumentojn el la Malnova Testamento (pro tio ke la veno de Kristo alportis novan revelacion, t.e. "Novan Testamenton"), oni neniel povas ignori la Novan Testamenton. La plej ofte citataj versoj estas ĉi tiuj de la Apostolo Paŭlo: "*Tial Dio fordonis ilin al malhonoraj pasioj; ĉar iliaj virinoj ŝanĝis la naturan uzadon en kontraŭnaturan; kaj tiel same ankaŭ la viroj, forlasante la naturan uzadon de la virino, brulis en sia volupto unu al alia, kaj viroj kun viroj faris hontindaĵon kaj ricevis en si mem la taŭgan rekompencon de sia malvirto.*" (Romanoj 1:26-27). La unua kritiko de argumento, bazita sur ĉi tiu teksto, estas kritiko de la ĝenerala sinteno de Paŭlo pri diversaj sociaj temoj. Ekzemple, Paŭlo konsideris sklavecon normala, kaj instruis, ke virinoj silentu en la preĝejo, humile obeu sian edzon, kaj ne portu oron aŭ aliajn ornamaĵojn. Modernaj kristanoj ĝenerale ne obeas ĉi tiujn instruojn – do kial obei unu instruon de Paŭlo, sed aliajn ne?



Episkopo John S. Spong – heroo de liberaluloj kaj malamiko de fundamentistoj kaj konservativuloj pro siaj liberalaj ideoj pri la roloj de virinoj kaj gejoj en la eklezio kaj sia ekstreme neortodoksa teologio




Tekstas: "Dio malamas gejaĉojn". Ĉu la skribinto eĉ unufoje legis la vortojn de Jesuo?..

Sed se serioze konsideri la tekston mem, aperas multaj kialoj ne kompreni ĝin kiel kondamnon de geja vivstilo laŭ la moderna difino. La ĉefa kialo estas ke Paŭlo mencias ŝanĝon de la *natura* uzado en *kontraŭnaturan*. Tio signifas, ke temas ne pri homoj, kiuj denaske aŭ dejunaĝe havas konstantan inklinon al la sama sekso – ĉar por ili inklino al la sama sekso estas ja *natura* – sed pri aliseksemaj homoj, kiuj, ĉu pro distro aŭ, plej verŝajne, pro partopreno en paganaj seksritoj, faras samseksajn agojn. La vortoj "fordonis" kaj "ŝanĝis" indikas, ke neniel temas pri homoj kun *denaska* samseksa inklino, sed pri transiro de natura seksa inklino al malnatura. Tio signifas, ke se aliseksemuloj partoprenas samseksajn kondutojn, tio, por ili, estas kontraŭnatura. Aliflanke, laŭ la sama logiko, por homoj, kiuj jam de junaĝo sentas inklinon nur al la sama sekso, partopreni *aliseksajn* kondutojn estus same kontraŭnature.

## Ne-biblia argumento: Natura Leĝo

Al la supraj bibliaj argumentoj la Rom-katolika Eklezio aldonas la argumenton de "Natura Leĝo" kiu estis plej detale formulita de Sankta Tomaso de Akvino, la granda mezepoka filozofo-teologo kaj unu el la doktoroj de la Rom-katolika Eklezio. La natur-leĝa argumento celas pruvi, ke la dogmojn de la Eklezio subtenas ne nur dia revelacio, sed eĉ "Naturo" mem, t.e. ke la doktrinoj kaj morala instruo de la Eklezio estas raciaj. La natur-leĝa argumento kontraŭ samseksema konduto baziĝas sur ĝenerala teorio pri la celo de seksumo entute. Do, "Naturo" instruas, ke la celoj de homaj seksaj rilatoj estas jenaj: 1) generado de infanoj; 2) unuiĝo de geedza paro; 3) plezuro. Sed ne sufiĉas ke nur unu el la kondiĉoj estu plenumitaj, sed *ĉiuj tri samtempe*. Do, tre oportune "Naturo" koincidas kun rom-katolika doktrino, ĉar laŭ tiuj kondiĉoj la sola permesebla seksago estas nur koito (senkondome) inter geedzoj. Sekve, alispeca seksa konduto inter geedzoj, koito inter negeedziĝintaj viro kaj virino, samseksa seksumado, koito kun kondomo, kaj masturbado ĉiuj estas kontraŭ la Naturo (kaj sekve kontraŭ Dio), ĉar ili ne plenumas ĉiujn el la tri kondiĉoj. La difektoj de tiu ĉi argumento estas evidentaj. Unue, la objektiveco de la argumento estas dubinda pro tio, ke "Naturo" tiel perfekte kaj nete koincidas kun tradicia Katolika doktrino (kaj konsiderante ke Sankta Tomaso de Akvino estis fervora katoliko, ĉu tio estas suprizo?). Due, neniel klaras, kial seksa ago devas plenumi ĉiujn tri kondiĉojn samtempe. Kaj eble la plej granda kritiko de tiu ĉi argumento estas ke de ĝi devenas la absurda (kaj konsiderante la trorapidan loĝantarkreskadon en iuj malriĉaj landoj, eĉ malmorala) politiko de la Rom-katolika Eklezio kontraŭ la uzado de kondomoj.

Tra ĉi tiu artikolo vi vidis diversajn citaĵojn kaj argumentojn kontraŭ samseksemeco. Sed kies vortojn vi *ne* vidis? Jes, vi ne vidis citaĵon de la centra persono de kristanismo, Jesuo Kristo mem. Kial? Ĉar en la kvar Evangelioj Jesuo *silentas* pri la tuta demando de samseksemeco. Se, kiel la konservativuloj konstante kaj laŭte predikas, samseksemeco estas tiel grandega abomenaĵo antaŭ Dio, kial Jesuo eĉ ne unufoje mencias ĝin? En la Evangelioj Jesuo kutime severe kaj klare kondamnas pekojn, do ĉu eblas, ke Li povintus preteratenti tian "grandan abomenaĵon antaŭ Dio"? Certe ne...

Ŝajne jam alvenis la tempo, ke konservativajfundamentismaj kristanoj ĉesu uzi religion por subpremi, diskriminacii kaj emocie suferigi jam delonge persekutatan homgrupon, kaj anstataŭe finfine ellernu kaj ekpraktiku la vortojn de Jesuo: "*Amu vian proksimulon kiel vin mem.*"

* kanoniko – membro de dioceza** aŭ ordena kapitulo***, alligita al katedralo por preĝi kaj kunlabori; iufoje nur honora titolo.
** diocezo – katolika aŭ anglikana eklezia distrikto, regata de episkopo.
*** kapitulo – kunveno de la kanonikoj de diocezo aŭ religia ordeno.

La aŭtoro de tiu ĉi artikolo studis en la fakultato de Religiaj Studoj (subfako de la filozofia fakultato) de la Ŝtata Universitato de Georgio en Atlanto, Usono.

# Sud-Afriko: dek jarojn post apartismo, aŭ:

## Kiel ripari la rezultojn de jardekoj da diskriminacio?

*Magali von* BLOTTNITZ,
*Sud-Afriko*

**Diskriminacio estas ne nur maljusta afero. Ĝi ankaŭ havas tre longdaŭrajn kaj malfacile korekteblajn sekvojn. La ekzemplo de Sud-Afriko tre bone ilustras tion – mi diras tion kiel observanto, kiu la lastajn tri jarojn loĝas en tiu ĉi lando. Sen science aŭ konkrete esplori la aferon, mi proponas dividi impresojn kaj pripensojn pri la ĉiutaga vivo en Sud-Afriko kun legantoj el aliaj partoj de la mondo.**

### Dum apartismo

Oni verŝajne ne povas malkonsenti kun mi, ke rasa diskriminacio estis la plej grava trajto de la sud-afrika historio en la lasta jarcento. Jam en 1913 la registaro de la Sud-Afrika Unio eldonis la leĝon pri "denaskulaj rezervejoj" (poste nomataj "hejmlandoj"), kiuj reprezentis 13% de la teritorio de Sud-Afriko. En la sama periodo oni reguligis la aliron al la labormerkato, rezervante la kvalifikitajn postenojn por blankuloj. Tiuj fruaj reguloj nur akriĝis dum la sekvaj jardekoj. "Apartismo" oficiale komenciĝis post la Dua Mondmilito, kiam la ekstremdekstra partio venkis en la balotado en 1948.

Registaranoj brutale aplikis diskriminaciajn leĝojn, malebligante al ne-blankuloj egalan aliron al ĉiuj aspektoj de la vivo: sano, edukado, loĝejoj, laboro... (rigardu la bildojn). Feliĉe, dank' al la rezisto de la malprivilegiitaj kaj premo de eksterlandaj povoj, en 1994 okazis la unua demokratia elekto, en kiu Nelson MANDELA fariĝis la nova prezidento.

### Apartismo finiĝis... problemoj restis

Ĉi-jare Sud-Afriko oficiale festas siajn "dek jarojn da libereco" – ja la jaron 1994 oni konsideras la fino de apartismo. Tamen la konstitucia ŝanĝo ne sinonimas al fino de diskriminacio. Fakte, ankaŭ dek jarojn post la demokratiiĝo opinioj pri la ĝusta maniero fini la rasan diskriminacion diferencas. Unu el la problemaj kampoj estas la aliro al la labormerkato.

Se ellasi opiniojn de la homoj, kiuj volas reveni al la diskriminacia reĝimo (feliĉe, ili estas minoritato), estas du ĉefaj filozofioj. La unuan mi priskribus kiel "filozofion de egala traktado", kaj la aliaj favoras "pozitivan diskriminacion".

Imagu, ekzemple, entreprenon, kiu serĉas kandidaton por iu posteno. Iuj opinias, ke oni simple ne plu konsideru rason. Do oni elektu laboranton nur laŭ kriterioj de kapableco. La ĉefa problemo pri tiu filozofio estas ke tio kondamnas ne-blankulojn, kiuj ricevis sian edukadon en la antaŭa sistemo, al senlaboreco, ĉar laŭleĝe ili ne povis akiri la saman edukon, kiel blankuloj. Cetere, eĉ se ili havas aliajn kapablojn, kiuj ne venas de la formala edukado, ili ofte ne ricevas laboron, ĉar dungantoj emas juĝi iliajn kapablojn laŭ la propraj, kulturrilataj kriterioj, kaj tial nature preferas homojn de la sama kulturo.

Do, laŭ tiu sistemo, la malnovaj avantaĝoj restus por longa tempo, la nigruloj penus akiri laboron, sed tamen plu vivus en mizero. Ili daŭre ne povus doni decan edukon al siaj infanoj, kaj la venonta generacio tial denove spertus la samon ktp...

### Ĉu diskriminacio povas esti "pozitiva"?

Tial ekzistas movado de pozitiva agado (*affirmative action* – angle), laŭ la analogio de movado por liberigo de la afrik-amerikanoj en Usono, kiu postulas t.n. "pozitivan diskriminacion". En la milda variaĵo, la principo de pozitiva diskriminacio estas ke, se estas du kandidatoj kun egalaj kapabloj, oni elektu la kandidaton el "malavantaĝa fono" (se uzi oficialan lingvaĵon). Tamen ĝi estas sufiĉe teoria, ĉar neniam eblas trovi du homojn kun ekzakte samaj kapabloj. Oni do venas al la pli severa principo, ke entreprenoj devas havi specifajn proporciojn de laborantoj en ĉiu salajra kategorio el la ne-blankulaj komunumoj.

Teorie, tio aspektas tute nobla. Tamen, imagu la realecon. La plej grandaj entreprenoj havas historie nur blankulajn laborantojn en la altsalajraj kategorioj. Sub la premo de la leĝo ili devas klopodi atingi necesan kvanton da neblankuloj. Sed ili ne volas nek povas forsendi siajn malnovajn laborantojn nur pro la kialo, ke tiuj estas blankulaj. Do preskaŭ ununura maniero por atingi la kvotojn estas se ili dum jaroj ne dungos eĉ unu blankulon. Tion ili ne diras oficiale, tamen estas ja fakto, ke blankuloj (speciale blankulaj junaj viroj), kiuj finas universitaton, ne plu povas trovi postenojn en grandaj entreprenoj.

### Kaj tio estas "egalŝanceco"!

Mi mem spertis tiun ĉi problemon, kiam mi, kiel eŭropanino, alvenis en Sud-Afrikon. La problemo por novulo en tiu lando estas ke mi ne konsciis pri la lingvaĵo. Efektive, la situacio estas tiel delikata, ke oni ne plu parolas klare, oni inventas novajn esprimojn, kiuj konfuzas eksterlandanojn.

Post mia alveno en la landon mi iom da tempo naive kredis, ke mi povos trovi laboron. Mi legis gazetojn kaj serĉis laboranoncojn, kaj kiam mi telefonis por ekscii pri la procedaro por kandidatiĝi, mi iom miris pri la ĉiama respondo: "Ni ne povas dungi vin, ĉar ni estas egalŝanca dungisto". La fakto estis, ke ili tute ne interesiĝis pri miaj kapabloj: mi havis ja neniun ŝancon, ĉar mi ja estas blankula. Kaj tion ili nomas "egalŝanceco"!

Efektive, se mi nun rigardas anoncojn por laborpostenoj, mi rimarkas, ke ĉiuj grandaj entreprenoj aŭ organizoj mencias, ke ili favoras la principon de "egalŝanĉeco" ("*equal opportunity*" en la angla). Oni devas esti de tiu lando por scii, kion tio signifas...

Kvankam mi persone bezonis iom da tempo por kompreni la situacion, mi ne plendas. La malavantaĝo, kiun ricevas blankuloj el tiu "pozitiva diskriminacio", estas nenio kompare al la mizero, en kiu ne-blankuloj estis tenataj dum jardekoj. Kaj mi ja kredas, ke sen tiaj radikalaj agoj la lando ne povus "transformiĝi".

### Kio misfunkcias?..

Tamen, oni devas ja agnoski, ke estas multaj problemoj pri tiu

politiko. Unu el la evidentaj problemoj estas ke ofte personoj ricevas postenojn, por kiuj ili ne estas adekvate kvalifikitaj. Ne estas ilia kulpo, ja ili ne havis la eblon akiri kvalifikon. Tamen tio kreas misfunkciojn en la ekonomio kaj socio, kaj, eble plej grave, tio fortigas antaŭjuĝojn kontraŭ tiuj personoj (ĝenerale, antaŭjuĝoj de blankuloj kontraŭ nigruloj). Tio ankaŭ fuŝas la komprenon de nigruloj pri la nepreco de bonaj studoj (kial ili plustudu, ili ja havas la laboron).

Oni diras, ke kelkaj organizoj, por eviti la problemon de malbone farita laboro, uzas la sistemon de "duoblaj postenoj". Tio signifas ke por ĉiu nigrulo, kiun ili dungas, ili aldonas unu plian personon por la sama posteno: la nigrulon ili dungas pro haŭtkoloro, la alian por fari la laboron. Certe tiu onidiro estas troiga, tamen mi facile povas imagi, ke tute regule oni dungas homojn, sed ne vere donas al ili la ŝancon fari la laboron, por kiu ili estas dungitaj, ĉar oni ne fidas iliajn kapablojn kaj preferas doni la taskojn al aliaj malnovaj laborantoj.

Similaj skandaloj aperis en la kampo de adjudikoj*. Imagu, ekzemple, ke iu publika organizo volas aĉeti servon de iu malgranda entrepreno. Laŭleĝe ili estas devigataj preferi nigrulajn entreprenistojn, se tiuj faras proponon por la servo (adjudikon). Tio kaŭzis, ke kelkaj blankulaj komercistoj pagis monsumon al nigruloj, por ke ili kreu tiel nomatan "ŝirm-entreprenon", gajnu la adjudikon, subskribu kontrakton kun publika organizaĵo kaj lasu al la blankuloj fari la laboron...

Tiaj perversaĵoj ja kreas multajn dubojn pri la justeco de pozitiva diskriminacio. Mi mem ankoraŭ eĉ ne scias, kion opinii. Nur unu afero certas: se ĉiuj landoj en la mondo povus eviti diskriminacion, ili ankaŭ evitus tiujn kapdolorojn de la "posta" epoko. Post dek jaroj de la fino de apartismo ŝajnas, ke Sud-Afriko ankoraŭ ne trovis solvon de sia problemo...

* adjudiki – proponi kontrakton pri laboro, livero k.s. al konkurencantoj, ordinare kun la antaŭa kondiĉo (N.PIV)

---

*Aleksej Serdjuk, Rusio*
*(Voroneĵa Ŝtata Agrikultura Universitato)*

# Ekonomia "diskriminacio"

**Stranga speco de diskriminacio, ĉu ne? Tamen en nuntempa Rusio ekzistas tia diskriminacio, aŭ, dirante milde, "apartigo de la socio".**

Pasis 19 jaroj ekde la momento, kiam komenciĝis demokratia transformiĝo en Sovet-Unio. Jam dek jarojn funkcias la konstitucio de demokratia Rusio. Sed diskriminacio ekzistis kaj restas en la rusia socio. En la sovetia tempo oni persekutis di-kredantojn, heterodoksojn*, disidentojn**... En la nuntempa Rusio pro konataj kialoj oni ne ŝatas kaŭkazanojn. Sed intertempe ekzistas preskaŭ nerimarkeblaj formoj de diskriminacio. Pri unu el ili mi rakontos. Temas pri vilaĝanoj, kies stato tre similas al tiu en la feŭda epoko.

En feŭda Rusio kamparano devis labori dum definita tempo por sia bienposedanto, kaj nur poste li rajtis okupiĝi pri sia propra tereno, kiu nutris lin. Kaj same okazas ankaŭ nun! Post laboro en kolĥozo***, vilaĝa laboristo iras okupiĝi pri sia propra posedaĵo – sen tio oni simple ne povas travivi. Kvankam nun nenio devigas lin labori por la "bienulo", malmulte da homoj povas decidi vivi memstare. En vilaĝo oni povas labori nur en kolĥozo, sed se ne labori, oni ja ne ricevos pension, sanprizorgon, ŝancon provizi sian mastrumaĵon per malmultekosta aŭ eĉ senpaga furaĝo, pajlo, greno...

Komparu salajrojn de germana kaj rusia kamparano en manĝaĵ-ekvivalento. Do, kontraŭ averaĝa hora salajro oni povas aĉeti:


Degenero de rusia vilaĝo

| Manĝaĵo | en Germanio | en Rusio |
|---|---|---|
| Bruna pano (1 kg) | 4,8 | 1,00 |
| Sukero (1 kg) | 10,6 | 0,30 |
| Bovaĵo (1 kg) | 1,04 | 0,07 |
| Porkaĵo (1 kg) | 1,47 | 0,06 |
| Kokaĵo (1 kg) | 4,06 | 0,15 |
| Butero (1 kg) | 2,57 | 0,09 |
| Freŝa lakto (1 litro) | 15,5 | 0,86 |
| Ovoj | 63,9 | 3 |

(Laŭ Barbaŝin E.A. Sciencaj bazoj de integrado en agrikultura idustria komplekso. – Kursk. Eldonejo: KGSĤA, 2001.)

Mi lasas ĉi tiun tabelon sen komentoj. Mi nur aldonos, ke en la rusia kamparo loĝas preskaŭ 40 milionoj. Tiu salajro sufiĉas en urbo nur por pago de lukostoj. Kaj ne forgesu, ke vilaĝanoj devas havi ankaŭ brutaron por sekurigi al si nutraĵon kaj vendi ion en la bazaro. En multaj rusiaj vilaĝoj ankaŭ gaso kaj asfalto aperis nur antaŭnelonge.

En Moskvo preskaŭ ĉiu povas permesi al si someran ripozon eksterlande, dum en vilaĝo preskaŭ neniu povas eĉ revi pri vizito al la marbordo de la propra hejmlando. En urbaj universitatoj lernas precipe nur urbaj studentoj, ĉar preskaŭ ĉiuj universitatoj estas pagendaj.

Kio estas la kialo de ĉi tiu mizero? Kiam oni post la disfalo de Sovet-Unio enkondukis ekonomiajn reformojn, la kosto de la rimedoj, necesaj por agrikultura produktado, altiĝis 21-oble pli multe ol la prezo de la agrikulturaj produktoj mem. La ŝtato larĝe malfermis la limojn por eksterlandaj agrikulturaj kompanioj, kiuj siavice estis subvenciataj de la registaroj de la koncernaj landoj. Kaj intertempe subvencioj al la agrikultura sfero en Rusio ĉiujare malpliiĝas. En la landoj de Eŭropa Unio subvencioj por agrikulturistoj konsistigas 42% da enspezoj, en Usono – 17%, en Kanado – 20%, en Japanio – 69%. Kaj en Rusio ili malaltiĝis de 11% al 5%.

Malpliigo de manĝaĵ-importado povus ŝanĝi la situacion, tamen tio malbonigus rilatojn kun la eksportantaj landoj, kiuj povas sankcii kontraŭ la eksportata rusia industria produktaĵaro kaj fueloj. La registaro decidis, ke la kamparanoj prefere daŭre suferu. Jen kia diskriminacio, gesinjoroj!



* heterodokso – malortodokso
** disidento – persono, kiu disiĝas de la oficiala religio de sia lando aŭ de la politika linio de totalisma registaro (N.PIV)
*** kolĥozo – kampara agrikultura kolektivo



# Ĉiuj lingvoj, escepte de la angla, estas "minacataj"

**Demandojn de *Kontakto* respondas direktoro de la Brusela Komunikad-Centro Dafydd ap Fergus**

***– Kiom da lingvoj ekzistas en la mondo?***

– Unue oni respondu la demandon, *kio* estas lingvo...

***– Bone, kio fakte ĝi estas?***

– Ne ekzistas klara difino de la vorto "lingvo"*. Ofte "dialektoj" ne estas konsiderataj "lingvoj", ĉar oni timas krei etnan aŭ politikan diferencon inter popoloj. Diversaj verkoj mencias foje 4000, foje 5000 lingvojn. Lastatempe en Unesko kaj amaskomunikiloj oni parolas pri 6000 lingvoj, sed Unesko-spertuloj timas, ke duono de tiuj lingvoj ne plu estos parolataj post 100 jaroj. Ili, do, estas minacataj lingvoj. Ekestas ankaŭ novaj lingvoj, kiel Esperanto aŭ la moderna hebrea kaj indonezia, aliaj mortas, kiel la prusa, latina kaj verŝajne 10000 aliaj lingvoj dum la lastaj 3000 jaroj.

***– Kiuj estas la plej "grandaj" lingvoj?***

– Laŭ la nombro de ĉiuj parolantoj (denaskaj kaj ne) la situacio estas jena: la ĉina (882 milionoj da parolantoj), angla (445), hinda (363), hispana (351), rusa (292), araba (201), bengala (186), portugala (175), indonezia (144), japana (125), germana (120).

***– Kiujn lingvojn oni povas konsideri minacataj? Ĉu ankaŭ malgrandaj ŝtataj lingvoj (ekzemple, la slovena) estas minacataj?***

– Iusence, ĉiuj lingvoj, escepte de la angla, estas "minacataj". Sed oni ne povas vere konsideri malgrandajn ŝtatajn lingvojn en Eŭropo (ekzemple, la serban, svedan, slovakan, aŭ slovenan) kiel minacatajn. Ili, kiel ĉiuj lingvoj krom la angla, suferas de la povo de la reganta lingvo kiel komerca, scienca, politika aŭ amaskomunikila lingvo. Vere minacataj lingvoj estas parolataj de malmulte da homoj, eble malpli ol 10000. La problemo pri ili estas, ke la gepatroj ne "pludonas" la lingvon, t.e. ne parolas ĝin kun la infanoj. Ofte tio okazas pro la fakto, ke parolantoj de minacata lingvo estas diskriminaciataj kaj kompreneble volas eviti, ke ankaŭ la infanoj suferu pro la gepatra lingvo.

En Nov-Gvineo, kun ĉirkaŭ tri milionoj da enloĝantoj, estas ĉirkaŭ 700 lingvoj. Multe da ili estas parolataj de nur deko da homoj... Tiuj estas ege minacataj lingvoj, ĉar se tiuj "dek homoj" mortas, tiam la lingvo malaperas. La plejparto de minacataj lingvoj estas parolataj en periferiaj regionoj, kiujn jam komencas ataki la moderna vivo (ekzemple, en Brazilo, centra Afriko, Nov-Gvineo).

Efektive, eŭropaj lingvoj, kiujn oni nomas minacataj, ne estas tiom minacataj pro la simpla fakto ke, ekzemple, pli ol ses milionoj da homoj parolas la katalunan, pli ol 300 mil – la bretonan kaj pli ol 500 mil la kimran. Sed nun en Eŭropo, eĉ germanoj, nederlandanoj kaj svedoj, komencas diri, ke iliaj lingvoj estas "minacataj", kvankam ili ja estas ŝtataj lingvoj. Ili ne tute malpravas, ĉar, ekzemple, la nederlanda aŭ sveda ne estas multe uzataj kiel sciencaj lingvoj. Ĉu do la scienca sveda aŭ nederlanda ne ekzistas?

Tamen mi dirus, ke la plejmulto da ŝtataj lingvoj en la mondo estas sub la premo de la angla. Tio signifas, ke baratano, japano, germano, franco ktp. uzas pli kaj pli da vortoj kaj terminoj el la angla. La angla fariĝas por ili la plej laŭmoda lingvo....

***– Sed ĉu ne ŝajnas al vi, ke ankaŭ la angla estas minacata – je simpligo kaj primitivigo? Kiam mi vizitis Tajlandon, por ke "mia" angla (neniel perfekta, sed ankaŭ sufiĉe nemalbona) estu almenaŭ iomete komprenata, mi devis plene "buĉi" ĝin, ĉu gramatike, ĉu vortare, ĉu prononce...***

– Ofte neanglalingvanoj, kiuj ŝatas la anglan, diras, ke la hispana aŭ ĉina fariĝas pli grava ol la angla, kaj ke antaŭ multaj jaroj ankaŭ la germana aŭ eĉ nederlanda povintus fariĝi la monda lingvo, ke ĉiuj povas lerni la anglan, kaj ke la angla mem estas minacata je simpligo... Mi ne kredas je tio. Rilate al la primitivigo de la angla, kompreneble, vi kiel nedenaskulo loĝante en neanglalingva lando neniam povas atingi la saman nivelon, kiel denaskulo. La angla, kiun vi uzas, restos *baza* angla. Sed la ekonomio kaj socio montras klaran preferon por *denaska* angla: homoj tra la mondo senkonscie vendas lingvajn kaj universitatajn kursojn, filmojn, muzikojn, librojn ktp. de anglalingvaj landoj kaj personoj, prefere al neanglalingvanoj.

### Fakte

Brusela Komunikadcentro (BKC) komencis sian laboron en 2002. Ĝia prioritata celo estas efike reliefigi la politikan kaj socian signifon de Esperanto (pli detale pri ĝia agado legu ĉe <www.lingvo.org>). La BKC-laborantoj – Dafydd ap Fergus (la direktoro) kaj Marko Naoki Lins – regule kontaktas naciajn kaj internaciajn politikistojn, oficistojn, ĵurnalistojn, helpas al Landaj Asocioj kaj individuoj koncepti gazetaran kaj politikan strategion. Gravas por BKC ankaŭ devigi politikistojn pritrakti la lingvan problemon: ofte tio signifas instigi parlamentanojn fari oficialajn demandojn al la ministroj – ĉu pri Esperanto, ĉu pri lingva diskriminacio kaj malegaleco. La Centro observas la uzadon de la vorto "Esperanto" en gazetoj, instigante volontulojn pere de dissendolisto klere kaj trafe reagi <http://groups.yahoo.com/group/reago> (ja ofte la mencioj pri Esperanto en amaskomunikiloj estas negativaj – "ĝi estas artefarita, ne havas kulturon" ktp.).

La BKC ankaŭ instigas al laboro kaj mem kunlaboras en gazetaraj agadoj por la Universalaj Kongresoj – dum 2003 aperis artikoloj en dekoj da landoj. La Centro instigas ĵurnalistojn skribi pri Esperanto ankaŭ en aliaj periodoj. Aliaj gravaj laboroj estas kontroli diversajn lingvajn dosierojn, traktante kun diversaj registaraj kaj neregistaraj organizoj kaj ankaŭ rekte kun politikistoj, ekzemple, pri lingva diskriminacio, kleriga sfero, deviga uzado de la angla ktp.

### Esperanto kontraŭ lingva diskriminacio

La 5an de aprilo 2002 UEA plendis al la tiama Eŭrop-Unia Rajtprotektanto Jacob Soderman. La plendo, preparita de Dafydd ap Fergus, koncernis lingvo-diskriminacion fare de de eŭropaj organizoj, financitaj parte aŭ tute de Eŭropa Komisiono, kaj privataj kompanioj laborantaj kun Eŭropa Komisiono. Tiuj organizoj regule anoncas postenojn por homoj kun "angla patrinlingvo" (*English mother tongue*) aŭ "denaskaj parolantoj de la angla" (*English native speakers*). Sekve, eŭropaj civitanoj, posedantaj bonan aŭ bonegan scipovon de la angla, estas diskriminaciitaj kaj ne povas esti dungitaj.

La Eŭropa Esperanto-Unio registris pli ol 800 tiajn anoncojn. (vidu ĉe <www.lingvo.org/diskriminacio>). Spite al tia ripetita konfirmo de Eŭropa Komisiono pri la diskriminacia karaktero de la dunganoncoj, la diskriminacia praktiko daŭras. Post pluraj avertoj multaj organizoj anstataŭigis la frazon "angla patrinlingvo" per "angla patrinlingvo aŭ ekvivalento". Pro la fakto, ke la Eŭropa Komisiono ĝis nun nek aktivis jure nek rifuzis financon al la diskriminaciantaj organizoj, Eŭropa Esperanto-Unio denove plendas al la nova Eŭrop-Unia Rajtprotektanto Nikiforos Diamandouros.

Prave aŭ malprave, la "denaska" kaj "vera" angla, kaj ne la angla uzata en Svedio, Ĉinio aŭ eĉ Barato, restas la plej prestiĝa mezuro de scipovo kaj korekteco de la angla lingvo. Do, mi ne dirus, ke la angla estas minacata je simpligo.

***– Kiel la lingva situacio ŝanĝiĝis dum la lastaj kelkcent jaroj?***

– Mi ne estas lingvisto, kaj fakte ankaŭ lingvistoj kunportas antaŭjuĝojn de sia vivperiodo. Niaj ideoj kaj scioj pri lingvoj estas tiom ligitaj al la epoko, en kiu ni vivas, ke ege malfacilas respondi, kia estis la situacio antaŭ eĉ nur 300 aŭ 500 jaroj. Sed, tamen, oni konstatas, ke dum la lasta jarmilo la kvanto da lingvoj ĉiam pli kaj pli malgrandiĝis. Ja pro pli proksima kunvivo de popoloj la vivo enkondukas novajn lingvajn bezonojn – komunajn lingvojn. Sed plejofte dum jarcentoj ŝtatoj malfavoris iujn lingvojn kaj favoregis aliajn (ŝtatajn) lingvojn, ĉu rilate la francan, anglan, hispanan ktp.




***– Kia estos la lingva situacio post, ni diru, 50-100 jaroj? Ĉu eblas iel prognozi?***

– Post 100 jaroj, plej verŝajne, estos malpli da lingvoj. Ĉie en la mondo tutcerte estos malgranda anglalingva elito – ĉu en Germanio, Ĉinio, Brazilo aŭ Hispanio. La mondo iusence "bezonas" eliton, kiu parolas la superregan lingvon, kaj pro tio oni nun vidas tiom da eksterlandaj studentoj en ĉiuj anglalingvaj landoj. Ili devas akiri la "veran" anglan, kaj pro tio ili pretas pagi altajn universitatkotizojn en tiuj landoj, kvankam ili senpage povus studi en multaj aliaj landoj, kiel Svedio, Nederlando ktp. Mi mem estas iom pesimisma pri la estonteco...

***– Kio fakte, laŭ vi, estas nuntempa lingva diskriminacio? Kiel la nuna lingva diskriminacio malsimilas la antaŭajn?***

– Oni pli kaj pli atentas pri la evito de malferma diskriminacio. Antaŭ kvar jaroj mi komencis registri dunganoncojn por denaskaj parolantoj de la angla. La Eŭropa Komisiono finfine devis "agi" kaj konsilas al direktoroj kaj sekci-ĉefoj, pro la agado de Esperanto-organizoj, alivortumi la anoncojn de "denaska angla" al "denaska angla aŭ samnivele". Kompreneble oni invitas nur denaskulojn, sed jam preskaŭ ne eblas jure ataki la Komisionon pro lingva diskriminacio: ja temas pri "samniveleco" (pli detale legu sur p.10 – Red.).

Kiel kimro, mi tre interesiĝis pri la kataluna kiel ekzemplo de sukceso de minoritataj lingvoj (mi mem studis ĝin en Barcelono). Dum la tempoj de Franco** [franko] la kataluna estis tute maloficiala, kaj nun ĝi regajnis multajn terenojn kaj refariĝis *la* oficiala lingvo de Katalunio. Tamen ĝi, kiel ĉiuj minoritataj lingvoj en regiono kun pli forta lingvo de la ŝtato, ne estas "evidenta" en Katalunio. En Barcelono gejunuloj, ekzemple, denove pli kaj pli parolas la hispanan kaj ne la katalunan.

***– Kaj kiujn aliajn lingvojn vi scipovas? Kiu estas efektive via denaska lingvo?***

– Mia denaska lingvo estas la angla, sed kiel kimro mi dirus, ke mia "nacia" lingvo estas la kimra. En Bruselo mi kutime parolas la francan, nederlandan kaj la germanan. Kaj pli kaj pli mi paroletas la hispanan (pro mia koramikino). Pro laboro, mi devas legi kaj aŭskulti en multe da lingvoj, kaj tiun kapablon mi akiris post lernado de Esperanto en 1999. Mi volis legi kaj kompreni – do, ne paroli – la ĉefajn lingvojn de Eŭropo, ĉu slavajn, ĝermanajn aŭ latinidajn. Sonas malfacile, sed ne. Se oni komprenas la francan kaj hispanan, oni facile komprenus la katalunan aŭ la italan. Kaj pro la germana kaj nederlanda mi lernis legi la svedan, danan kaj norvegan. Nun mi studas la slovakan kaj samtempe lernas legi en aliaj slavaj lingvoj. Esperantistoj ofte preterpasas la "solvon", kiu povus oferti pasiva kono de lingvoj...




***– Kiel impone! Dankon pro la intervjuo kaj sukcesojn kaj inspirojn al vi – kaj en via laboro, kaj en via lingvolernado, kaj simple en via vivo!***

Intervjuis Ĵenja Zvereva

* Laŭ Vikipedio, lingvo estas "sistemo de gestoj, signoj, sonoj, simboloj kaj vortoj uzataj por reprezenti kaj komuniki ideojn kaj pensojn" <eo.wikipedia.org/wiki/Lingvo>.

** Francisco Franco Bahamonde (1892-1975) – diktatoro de Hispanio en 1939-75.

## <Kontaktu>

Dafydd ap Fergus
Komunikadcentro de EEU/UEA
Rue Royale St. Marie 7 Koninklijke Sint-Mariastraat 1030 Brussel; tel.: 00 32 0486 753 980.
Rete: <komunikadcentro@esperanto.org>, <www.lingvo.org>.

## Esperanto, kiu savos... la anglan?

*Joel Amis, Usono/Nederlando*



Esperanto povas defendi por ni, denaskuloj, la *veran* anglan. Tiun argumenton (eble de la unua rigardo kontraŭdiran) mi proponas por la kontraŭantoj de Esperanto. Ĝi estas celata al la dekstro – do al tiuj, kiuj emus kontraŭi E-on surbaze de ĝia supozata minaco al la pozicio de la angla lingvo. Mi neniel orgojlus eĉ sugesti, ke la angla estas "minacata" same kiel, ekzemple, la kimra – fari tion estus same absurde, kiel diri, ke blankulaj viroj estas nun "minacataj".

Jes, unuflanke la tutmonda uzo de la angla en komerco kaj diplomatio jam kreas *alispecan* anglan lingvon, kiu foje impresas denaskulojn strange kaj malkomforte. Mi klare konstatis ĉi tiun fakton post mia eklaboro en la CO de UEA/TEJO en Nederlando, ĉar mi ofte devas rilati kun diversaj eŭropaj instancoj pere de la angla. Mi rimarkis, ke la angla, uzata de eŭropaj burokratoj (aŭ "eŭrokratoj") estas iom alia ol la lingvo, kiun mi regas denaske. Kvankam ĝi ne estas strikte "fuŝa", ĉi tiun "internacian anglan" aŭ eĉ "eŭro-anglan" mi trovas iom stranga kaj nenatura...

Kaj aliflanke, la disvastiĝo de la interreto pli kaj pli kreas fuŝan anglan, eĉ foje preskaŭ piĝinon*... anstataŭ tutmondiĝo de la lingvo de Chaucer [ĉoser], Shakespeare [ŝekspir] kaj Milton, oni komunikaĉas en ia fuŝa BASIC-angla. Ĉu anglalingvanoj vere volas fordoni sian lingvon al tia sorto? Tamen ŝajne jam tro malfruas... la satana pakto estas jam subskribita...

Ne eblas preteratenti alian "minacon" – t.e. la malpurig-minaco al grandaj lingvoj pro la angla. Oni jam delonge luktas pri tio en Francio, Germanio, Italio k.a. Tamen ŝajne en iuj landoj oni jam kapitulacis – en Nederlando, ekzemple, mi konstante vidas reklamafiŝojn, en kiuj la teksto estas plenplena je tute neŝanĝitaj anglaj vortoj, ĉirkaŭataj de nur iom da nederlanda kunteksto. Sed la holivud-usona imperiismo konstante koruptas la gejunulojn, kiuj uzas ĉiam pli kaj pli da nebezonataj anglaj vortoj en siaj lingvoj...

* piĝino – vehikla plisimpligita lingvo, kiu originas el kontakto de la angla kun alia lingvo (laŭ unu teorio, ĝi originas de la buĉita vorto *business* – komerco). Laŭ enciklopedioj, nun en la mondo ekzistas ĉ. 50 piĝinoj.

## Por ke lingvo estu egaleca, ne sufiĉas nomi ĝin tia!

*Joel AMIS, Usono/Nederlando*

**Estas neniu sekreto, ke esperantistoj kutime estas progresemaj kaj liberalaj homoj. Mi mem ĝojas pri tiu fakto, sed foje ĉi tiu bonvolema deziro ne diskriminacii aŭ ofendi iun ajn atingas absurdan punkton. Ĉi tiu absurdeco plej frape manifestas sin per la monstraĵoj nomataj *-iĉ–* kaj *ri*.**

Por tiuj, kiuj antaŭe ne aŭdis pri tiuj ĉi strangaj bestoj, mi iom klarigos. Ili ambaŭ estas *proponataj* reformoj, kies celo estas forigi la supozatan seksismon de la klasika zamenhofa Esperanto. *Ri* estas proponata kiel genre neŭtra pronomo, kiu estus uzata, kiam la sekso de la koncerna persono estas aŭ nekonata aŭ negrava (simila propono, iom malpli serioza kaj eble eĉ ŝerca, estas *ŝli*). Aliflanke, *-iĉ–* estas proponata kiel vira sufikso, do paralela al *-in-*. Do, laŭ tiu reformo, ĉiuj vortoj estus genre neŭtraj kaj oni derivas la vir– kaj in-formojn de la radiko. Tiel "patro" estus genre neŭtrala vorto (do, kiel "gepatro") kaj deriviĝus *patriĉo* kaj patrino.

Sed kial ĉi tiu reformo estus bezonata? Laŭ ĝiaj subtenantoj, ĉar klasika Esperanto estas "seksisma" kaj do por ne "diskriminacii" virinojn, ni devas forigi la t.n. "seksismajn elementojn". Tiam ni povus forviŝi ĉiujn spuretojn de seksismo en nia lingvo kaj esti modelo de "malseksisma lingvo" por la lingvoj de la mondo. Rezulte, ĉiuj lingvoj forigus la "seksismajn elementojn" en siaj lingvoj kaj seksismo kaj diskriminacio kontraŭ virinoj malaperus por ĉiam! Jes, tre bela penso, sed ankaŭ plene eŭropcentra.

Ĝenerale veras, ke en la grandaj eŭropaj lingvoj la radika formo estas vira, kaj por inigi la radikon oni aldonas inan sufikson. Do se ni rigardas de eŭropcentra vidpunkto, ni supozas ke: a) lingvoj enhavas seksismajn elementojn; b) lingvo influas niajn pensadon kaj agojn, do sekve: c) forigo de seksismaj elementoj forigos seksismon. Ĉi tiu logiko pruviĝas fuŝa, se ni analizos aliajn kulturojn. Bonega ekzemplo: Japanio. La japana lingvo ne havas apartajn formojn por inaj vortoj, kiel havas multaj eŭropaj lingvoj. Do oni ne diferencigas inter instruisto/instruistino, doktoro/doktorino ktp. Ĉu tio signifas, ke seksismo ne ekzistas en Japanio? Neniel! Eĉ nun en multaj japanaj kompanioj oni maldungas virinojn, kiam ili edziniĝas, ĉar ili "devas zorgi pri sia familio"! Kaj ĝenerale japaninoj ne ĝuas la liberecojn, kiujn eŭropaninoj (en landoj kun "seksismaj lingvoj", kiel Germanio, Francio, Italio) jam delonge ĝuas. Kiujn avantaĝojn alportis al japaninoj tiu "genre neŭtra" lingvo?

La intenco de la ri-iĉ-istoj estas certe bona kaj bonvolema. Sed tia reformo neniel nuligos seksismon. Nur reformo de *pensmaniero* povos ĝin nuligi! Do ni ne fuŝu kaj malbeligu nian jam bonan kaj vivantan lingvon per strangaj kaj nenecesaj reformoj. Ni prefere klopodu reformi kaj evoluigi niajn *mensojn* kaj tiel esti modeloj kaj lumoj por la mondo!

# Perlingva diskriminacio

*Luis PORTELLA, Brazilo*

**Lingvo ne estas neŭtrala ilo: ĝi varias laŭ sociaj klasoj, aĝ-grupoj ktp. Ĉi tiu artikolo ne tuŝos lingvan diskriminacion – ĝi temas nur pri *perlingva* diskriminacio – do, la diskriminacio, kiu okazas per buŝa kaj teksta komunikado.**

Perlingva diskriminacio plejofte estas komuna ne nur por ĉiuj variaĵoj de unu lingvo, sed ankaŭ por preskaŭ ĉiuj lingvoj en la mondo. Plejofte tiu diskriminacio havas la saman originon: ĝi devenas de nia historio kaj interhomaj rilatoj. Tiu diskriminacio estas kaj potenca, kaj subtila, ĉar ĝia potenco kuŝas ĝuste en la subtileco. La homoj uzas diskriminaciajn vortojn, parolas diskriminacie kaj plejofte eĉ ne scias pri tio, ĉar tiu ĉi diskriminacio estas jam viva parto de la lingvo.

Kiel enkondukon mi prezentos datumojn de la Internacia Organizo pri Laboro. Do, 70% de 1,3 miliardoj da malriĉuloj en la mondo (tiuj, kiuj vivas per malpli ol unu usona dolaro tage) estas virinoj. El 192 landoj de la mondo nur 12 havas virinojn kiel ŝtatestrojn. La postenoj de virinoj estas malpli kvalitaj, t.e. partatempaj aŭ neoficialaj ol postenoj de viroj. Tamen mond-averaĝe por egala laboro virinoj ricevas nur 75% de vira salajro.



Ekzistas malsamaj teorioj pri la plej praaj socioj. Verŝajne, ili ne estis patriarkaj, tamen jam de longa tempo la plejmulto da ili ja estas patriarkaj. La plej fama ekzemplo, verŝajne, estas la biblia versio pri la origino de la homo. La jugado de la virino fare de la viro dum la tuta historio estis fortega. Ĉu tio havas iun rilaton ankaŭ kun lingvo?..

La plejparto da vortoj en ĉiuj lingvoj estas viraj. Fakte, la radikoj mem estas viraj, do la vortoj sen iu ajn aldonoj estas singularaj kaj viraj. La viraj vortoj havas ankoraŭ aldonan povon – ili estas uzataj ankaŭ kiel genroneŭtraj vortoj. Ekzemple, en la portugala por la vorto "vir-instruisto(j)" estas uzata la vorto *professor(es)*, kaj por la vorto "instruistino(j)" – *professora(s)*. Por diri "geinstruistoj" oni antaŭe uzis la vorton *professorado*, sed tiu ĉi vorto estas jam forgesista – oftege oni uzas simple *professores*.

Pluraj nun uzataj vir-vortoj devenis de genroneŭtraj vortoj. En la angla la vorto *man* (viro) originale estis genroneŭtra vorto – ĝi estis uzata kaj por viroj, kaj por virinoj. Por derivi de ĝi vir-vorton kaj in-vorton oni uzis diversajn aldonaĵojn; la aldonaĵo por la vir-vorto el la angla lingvo malaperis, sed ĝi konserviĝis (malgraŭ ke oni ne plu konscias pri tio) en la in-vorto *woman* – virino.

En la klasika latino la vorto "homo" estis genroneŭtra. Tamen en la latinidaj linvoj ĝi eniris kiel vir-vorto: *homme* en la franca, *hombre* en la hispana, *uomo* en la itala, *homem* en la portugala. Nur en la rumanan lingvon ĝi eniris kiel genroneŭtra vorto – *om*. Ĉiuj ili, same kiel la angla *man*, estas uzataj ankaŭ en la signifo "la homaro". Tio ĉi estas tre subtila signo de perlingva diskriminacio.

Kaj kio pri la planlingvoj? Verŝajne, la situacio ne estas malsama, eĉ se tiuj lingvoj estas junaj. En Esperanto preskaŭ ĉiuj vortoj estas genroneŭtraj. Oni virinigas ilin per la sufikso *-in* kaj virigas per prefikso *vir-*. Tamen *vir–* estas forlasita, kaj la genroneŭtraj vortoj fariĝas viraj, ĉefe pro troa uzado de *-in*. Tio okazas pro influo de la naciaj lingvoj kaj mortigadas tre pozitivan kvaliton de nia lingvo. Por simetriigi la lingvon pri la genrofarado oni elpensis la sufikson *-iĉ*, kiu eble estontece povos solvi tiun problemon.

Ne ekzistas simetrio en iuj lingvoj ankaŭ rilate titolojn. En la angla, ekzemple, mallongigo de "sinjoro/fraŭlo" estas *Mr. (Mister)*. Ĝi ne informas pri geedza stato. Tradicie por virino oni uzas la vortojn *Miss* (por fraŭlino) kaj *Mrs.* (s-ino, edziniĝinta virino). Signo de batalo kontraŭ virina diskriminacio estas propono de la titolo *Ms.*, kiu, same kiel *Mr.*, ne informas pri geedza stato. Kaj tio estis bone akceptita.

Se paroli pri la "istaj" vortoj, eĉ se ankoraŭ regas diskriminacio en la parolata ligvo, pli kaj pli da landoj leĝe devigas eviti tiun diskriminacion – ekzemple, ĉe dungado. Tial oni ne plu rajtas serĉi "purigistinon" aŭ "vir-ripariston". Ĉiuj postulataj kvalitoj devas rilati nur laboron, sen iu ajn baro aŭ prefero pri sekso aŭ geedza stato.

Sed ekzistas ankoraŭ unu problemo, kiun oni povas leĝe ŝanĝi. Tio estas la diskriminacio ĉe la virinaj kaj viraj adjektivoj. Vira oftege rilatas al "kuraĝa", "brava", "heroa" ktp. Malsamo okazas pri virinaj adjektivoj: ofte ili havas negativajn kaj malvalorigajn signifojn: "malsaĝa", "babilema", "frivola" ktp. Klara ekzemplo pri tio estas la germanaj vortoj *herrlich* (bonega/e, impona/e de la vorto *Herr* – "sinjoro") kaj *dämlich* (mizera/e, malbona/e de la vorto *Dame* – "sinjorino").

Alia ŝanĝindaĵo estas tio, kiel alparoli nekonaton aŭ publikon. Kiam oni skribas ion sur ŝildoj en parkejo, butikoj ktp. aŭ parolas pri iu, kies sekso estas nekonata kaj en similaj situacioj, en pluraj lingvoj oni pensas nur pri viroj. En kelkaj lingvoj, kiel, ekzemple, la hungara, ekzistas genroneŭtra pronomo. La hungara vorto *Ő* celas kaj "li", kaj "ŝi" – do, feliĉe, la problemo ne ekzistas. Tamen en multaj lingvoj, kiuj havas virajn kaj virinajn pronomojn, oni kutime misuzas ilin (ekzemple: "Venontsemajne lotume estos elektita la gajnonto, kaj certe li estos feliĉa pri la premioj").

Kiam oni parolas pri diskriminacio en lingvoj, oni povas aŭdi diversajn opiniojn. Iuj diras, ke ŝanĝi lingvon (t.e. klopodi paroli nediskriminacie) ne ŝanĝos la socion. Aliaj miope asertas, ke ne ekzitas diskriminacia lingvo, ĉar ne lingvo, sed la homoj estas tiuj, kiuj diskriminacias. Oni do miksas diskriminaciajn agojn/frazojn fare de unu sola homo, kiu plej kutime celas ofendi iun, kun la diskriminacio, subtile "kaŝita" en la lingvo. La diskriminacio en la lingvoj ekzistas, kaj ĝi malhelpas aŭ ofendas ne nur iun konkretan personon, sed la tutan socion!

# Aidoso: la Ponto de Memoro

*D-ro Vladimir* LEMELEV*, Rusio*

**Ĉiun trian dimanĉon de majo en la mondo okazas la Tutmonda Memortago pri Mortintoj de Aidoso. Unuafoje oni aranĝis ĝin en 1983 en Usono. Ekde tiam la malsano disvastiĝis tutmonde kaj nun ĝi** minacas **al la ekzisto de la homaro. La nombro de mortintoj pro AIDOSO en la mondo jam atingis 30 milionojn...**

En la lastaj jaroj HIV*-**infekto** ekstreme rapide disvastiĝas en Rusio kaj aliaj landoj de eks-Sovetio. Laŭ oficialaj informoj, en Rusio estas pli ol 280 mil HIV-infektitoj, sed reale ilia kvanto, verŝajne, superas unu milionon. La malsano transiris al **epidemia** stato – infektiĝas ne nur **drogemuloj**, sed multaj aliaj.

Antaŭ sep jaroj aperis sufiĉe efika kurac-metodo, kiu malgrandigas la kvanton de la **virusoj** en la homa korpo kaj plilongigas la vivon, sed malgraŭ tio eĉ nun la plejmulto da HIV–infektitoj, precipe el malriĉaj landoj, ne havas la eblon aĉeti la kuracilojn. Kaj, same kiel antaŭe, la infektitoj kaj malsanuloj daŭre suferas ne nur pro sia malsano, sed ankaŭ pro konstanta diskriminacio. Pro manko de bonkoreco en la socio suferas ankaŭ iliaj familianoj.

Diversaj aktivaĵoj de la Tutmonda Memortago pri Mortintoj de AIDOSO celas **honori** la memoron pri mortintoj, ĉiuflanke subteni infektitojn, kontribui al **toleremo** en la socio, **instigi** reg-ist-ar-ojn fari ĉion eblan por haltigi la disvastiĝon de la epidemio kaj doni al HIV-infektitoj kuracadon. Necesas konscii, ke aidoso ne estas la malsano de nur **marĝenuloj** – ĝi minacas ĉiujn.

La 16an de majo en Moskvo estis aranĝita tutrusia ago *la Ponto de Memoro*, dediĉita al la Tutmonda Memortago pri Mortintoj de Aidoso. Similaj agoj okazis en multaj aliaj urboj de Rusio. La organizantoj estis la *Komunumo de Homoj, Vivantaj kun HIV / Aidoso* (Moskvo), bonfara **fonduso** *Afero,* la grupo de interhelpo *Kandelo* (Sankt-Peterburgo) kaj aliaj organizoj.

Je la 14a horo al la **placo** alvenis kelkcent homoj. Multaj el ili estis en T-ĉemizoj kun ornamaĵoj rilataj al la memortago. Studentoj portis **afiŝojn** kaj flagojn; iuj havis **balonetojn**. Unu junulino alfiksis al la vestaĵoj de la ĉeestantoj la simbolajn ruĝajn **rubandetojn**. Venis multaj **ĵurnalistoj** de la gazetaro, radio, televido. Certe ĉeestis pluraj medicinistoj. Ankaŭ min **intervjuis** kelkaj ĵurnalistoj, kiuj interesiĝis pri miaj artikoloj pri aidoso, precipe pri tiu en *KONTAKTO* (numero 184, 2001:4 ).

Estis multe da paroladoj – de la organizantoj, pastro, HIV-infektito, studentoj kaj reprezentanto de Unuiĝintaj Nacioj. Ili parolis pri la neceso de urĝa medicina helpo al ĉiuj HIV-infektitoj, pri iliaj rajtoj, pri kontraŭagoj al diskriminacio, pri devoj de la registaro rilate infektitojn ktp. Je la fino ĉiuj ĉeestantoj laŭ la **minora** muziko honoris la mortintojn per minuto de silento kaj ellasis en la ĉielon centojn da balonetoj.

Multaj ĉeestantoj subskribis specialan alvokon al la prezidento de Rusio V. PUTIN. Ili esperas, ke li faros ĉion eblan por certigi al ĉiuj HIV-infektitoj la rajton sanktan por ĉiuj – la rajton je vivo...

* HIV – homa imunonesufiĉestiga viruso – viruso, kiu kaŭzas aidoson

**afiŝo** – granda surpapera anonco
**baloneto** – malpeza ludilo, simila al pilko, sed kutime pli granda
**drogemulo** – tiu, kiu uzas drogojn (drogo – dependiga aĵo, kiu iel efikas mensan funkciadon)
**epidemio** – amasa malsano
**fonduso** – mon-kolekta organizaĵo
**honori** – trakti kun granda estimo
**infekto** – eniro de **viruso** en la korpon
**instigi** – igi iun ion fari
**intervjuo** – demandado fare de **ĵurnalistoj**
**ĵurnalisto** – verkisto de gazetaro, laboranto (verkanta) de radio aŭ televido
**marĝenulo** – homoj, puŝitaj al la rando de la socio (ekz: malriĉuloj, drogemuloj ktp.)
**minaci** – montri intencon fari ion malbonan
**minora** – malgaja
**placo** – libera loko, ĉirkaŭita de domoj, en la urbo aŭ vilaĝo
**rubando** – longa kaj mallarĝa peceto de ŝtofo
**toleremo** – akceptemo
**viruso** – tre eta vivulo, kiu kaŭzas malsanojn




# Milito kontraŭ aidoso. Ĉu JAM malgajnita?..

*D-ro Vladimir* LEMELEV*, Rusio*

**Jam delonge la unua de junio estas la Tutmonda Tago de Defendo de Infanoj. Milionoj da infanoj tra la tuta mondo suferas kaj mortas de malsanoj, pro manko de manĝaĵo, rezulte de multenombraj militoj kaj teror-atakoj. Kaj dum la lastaj 20 jaroj, kulpe de plen-kreskuloj, ankaŭ infanoj suferas de la plej terura malsano – aidoso.**

Nuntempe en la mondo, nur laŭ la informoj de UNAIDS*, vivas pli ol tri milionoj da HIV-infektitaj infanoj. La plej danĝera situacio estas en la centra kaj suda partoj de Afriko. Tiel, en Sud-Afrika Respubliko ĉirkaŭ 7% de infanoj je la aĝo 2-9 jaroj estas HIV-infektitaj, kio superis eĉ la plej **pesimismajn prognozojn** de sciencistoj. Antaŭnelonge oni parolis pri tio en la **Konferenco** pri Sociaj Aspektoj de HIV-Infektoj en Kaburbo, Sud-Afriko.

Pli ol 90 % de HIV-infektitaj infanoj ricevas la viruson de sia malsana patrino (en Rusio, ekzemple, tiamaniere infektiĝis pli ol 5000 infanoj). Sed – interesa fakto: malsana patrino ne ĉiam naskas malsanan bebon (la ŝanco, ke ĝi estos malsana, estas ĉirkaŭ 30-50%). Do, se patrino estas ĝuste kuracata kaj prenas kontraŭvirusajn kuracilojn dum gravedeco kaj naskado, ŝi povas havi plene sanan infanon. Tre gravas kuraci ankaŭ la novnaskiton.

Sed – eĉ se infano estas tute sana – tamen restas danĝero, ke HIV-infektita patrino povas trans-doni la malsanon per la lakto – do, necesas trovi ties plen-valoran anstataŭaĵon. En multaj malriĉaj landoj tio, bedaŭrinde, estas neebla, kaj **rifuzo** de lakto sen plen-valora anstataŭaĵo rezultigas morton pro **nutraĵ**-manko aŭ infekt-malsanoj.

Kiel dirite, el ĉiuj HIV-infektitaj infanoj nur ĉirkaŭ 10% infektiĝis alimaniere: pro uzado de drogaĉoj, seks-perforto, sin-**prostituado** kaj medicinistaj fuŝoj: trans-donado de infektita sango kaj sang-devenaj preparaĵoj, utiligo de malpuraj iloj ktp. Estas konate pri pluraj HIV-infektadoj de infanoj en malsanulejoj – pli ol 250 en Rusio, ĉirkaŭ 400 – en Libio... Multaj el tiuj infanoj jam mortis pro aidoso, sed pri kiom da tiuj kazoj ni ne scias!

Infanoj, cetere, suferas ne nur pro la malsano mem. Pli ol 13 milionoj da infanoj en la mondo jam fariĝis orfoj pro morto de unu aŭ ambaŭ iliaj gepatroj pro aidoso, kaj la medicinistoj prognozas, ke se ne haltigi la epidemion nun, post kvin-ses jaroj la nombro de orfoj pro aidoso atingos 25 milionojn. La orfoj ofte ne havas subtenon de la socio kaj devas mem prizorgi sin. Multaj el ili ne vizitas lernejon, ne povas labori kaj ricevi monon, kio ofte kondukas al sin-prostituado, seks-perforto, drog-**manio** kaj faciligas disvastigon de aidoso. Por ke tio ne okazu, orfoj devas ricevi ŝtatan atenton kaj ekonomian helpon kaj konstante senti zorgojn kaj bonfaremon de la socio.




La Unuiĝintaj Nacioj **deklaris** la taskon malgrandigi la nombron de HIV-infektitaj beboj por la jaro 2005 je 20%, kaj por 2010 – je 50%. Tamen, la jaro 2003 estis la plej malbona rilate al disvastiĝo de aidoso (tri milionoj da mortintoj kaj kvin milionoj da nov-infektitoj). Tial la gvidantoj de UN estis devigitaj rekoni, ke la mondo malgajnas la militon kontraŭ aidoso, kaj tiun malsanon oni povas egaligi al la amas-mortigiloj. Do la penoj de la socio kaj financaj rimedoj devas same respondi al la minaco de tiu ĉi malsano.

* UNAIDS – Komuna Programo pri Aidoso de Unuiĝintaj Nacioj" (angle: *Joint United Nations Programme on AIDS*)

La aŭtoro de tiuj ĉi artikoloj estas epidemiologo, docento, kandidato de medicinaj sciencoj.

**deklari** – oficiale anonci
**konferenco** – renkontiĝo de fakuloj (sciencistoj)
**manio** – forta dependemo je iu aĵo, ekzemple drogoj, alkoholo ktp.
**nutraĵo** – manĝaĵo
**pesimisma** – atendanta malbonon
**prognozo** – antaŭ-supozo
**sin-prostituado** – vendado de sia korpo kaj seksumaj servoj
**rifuzo** – mal-akcepto



*Hektor Alos i Font, Katalunio*

# Kultura *Disneyland*



**De la 9a de majo ĝis la 26a de septembro okazas en Barcelono la Forumo *Barcelono 2004*. Temas pri grandega aranĝo ĉirkaŭ tri ĉefaj aksoj: "kultura diverseco", "daŭrigebla disvolvado" kaj "pac-kondiĉoj". Aŭ kiel la kontraŭuloj resumas: foiro de la bonvolo.**

Dum la 141 tagoj amasiĝas grandega kvanto da aranĝoj. Por katalunoj, la ĉefa logaĵo estas la forumejo mem: 120 mil kvadrataj metroj da ekspozicioj, placoj, avenuoj, haveno, manĝejoj... kaj iom da verdo meze de la beton-amaso. Transformado de la urbo okaze de la Forumo estas la lasta el la grandaj urbaj transformadoj, kiuj en 1888, 1929 kaj 1992 abrupte refasonis diversajn urbopartojn. Ĉi-foje temas pri la norda marborda ekstremo, proksime al la plej marĝena kvartalaĉo. La reorganizado plivalorigis la zonon kaj permesis la konstruon de pluraj luksaj domturoj helpantaj financi la projekton. Ili, krome, plene malkongruas kun la cetero de la urbo – tion oni povas klare vidi de la apudaj montoj. Favorprezajn domojn por malfavorigatoj, aŭ simple normaluloj, oni preteratentis.

Kvar grandaj ekspozicioj konsistigas la ĉefan logaĵon en la forumejo. Temas pri "La militistoj de Ŝjiano", "Urboj – kruciĝejoj", "Voĉoj" kaj "Loĝi en la mondo". La unua fariĝis la ĉefa reklamo de la evento: temas pri ekspozicio de figuroj de la ĉinaj dinastioj Qin (221-207 a.K.) kaj Han (206 a.K. – 220 p.K.), inkluzive kelkajn el la famaj militistoj terakotaj de la tombejo de la unua imperiestro. "Urboj – kruciĝejoj" omaĝas la urbojn kiel kuniĝejojn de la diverseco kaj forĝejojn de interkonsentoj. "Voĉoj" estas efekteca aŭdvida elmontrejo de la lingva diverseco kaj ĝia forpereo. "Loĝi en la mondo" plej interese bildigas la problemon de daŭrigebla disvolvado kaj maljusta distribuo de havaĵoj. Krom tiuj, ankaŭ viziteblas du aliaj, pli malgrandaj ekspozicioj en la forumejo... kaj kromaj 23 en la tuta urbo pri la plej diversaj aferoj, principe ligitaj al la tri forumaj aksoj.

La Forumo ne estas nur granda ekspoziciejo – ĝi fakte estas granda kulturejo: tie okazos 423 koncertoj de 140 ensembloj. Sed estas ankaŭ multe da teatraĵoj, dancado, kabaredoj, cirkoj, strat-spektakloj ktp. Diverseco estas praktike montrata, ekzemple, per multaj tradiciaj ludoj el la tuta mondo, per laŭokazaj elmontroj de tradiciaj sportoj kaj per la ĝuebla kuir-arto.

La Forumo estas ankaŭ granda kongresejo. Sub la marko *Dialogoj* okazas en la nova Kongres-Centro de Barcelono (kiu povas enteni 15 mil homojn) 51 diversaj kongresoj. Listiĝas tiel interesaj temoj, kiel evitado kaj solvado de konfliktoj, homaj rajtoj, internacia justeco, malriĉeco kaj disvolvado, tutmondiĝo kaj identeco ktp. Esperantistoj jam partoprenis tiun pri "lingvaj diverseco, daŭrigeblo kaj paco" kaj TEJO baldaŭ partoprenos en la Monda Junulara Forumo.



Partoprenas en *Dialogoj* ankaŭ pluraj internaciaj famuloj, ekzemple, antaŭnelonge prelegis la lasta (kaj la unua – Red.) prezidento de Sovet-Unio Miĥail Gorbaĉov. Tamen aliaj elstaruloj, kiel la lingvisto Noam Chomsky aŭ la kontraŭ-tutmondisma aktivulo José Bové malakceptis la proponon.

Ekde la unua momento, la Barcelona magistrato trafis fortan kontraŭstaron de la potenca kataluna asocia mondo. La ĉefa malforto de la iniciato fontas el ĝia neverŝajna sincero. Fininte la Olimpiajn Ludojn, la tiama urbestro de Barcelono lanĉis la proponon organizi novan internacian eventon. Tio fontas el la ĝenerala kredo en Katalunio, ke la ŝtato malmulte subtenas la urbon, kaj ke necesas regule lanĉi mondfamajn iniciatojn por kapti ŝtatajn investojn kaj samtempe diskonigi la urbon eksterlande. La propono fariĝis titolo "Forumo de la Kulturoj", sed la enhavo longe estis mistero, kaj kiu plu restas nebula por la plimulto de la loĝantaro, eĉ monaton post la komenco de la aranĝo kaj post ĉiutaga informado en ĉiuj amaskomunikiloj. La manko de difiniteco kaj la antaŭvidita deficitego (ĉ. 70 milionoj da eŭroj) igis, ke la Forumo malhavis estron dum tutaj ok monatoj. Temis pri periodo, kiam oni malferme vokis neregistarajn organizojn al partopreno. Evidentiĝis, ke unuflanke la organizantoj malhavis programon, sed aliflanke, ke ili timegis, ke ĝi povos fariĝi nova Porto-Alegra kontraŭtutmondiĝejo.



El tiu manovro rezultis parta dissplitiĝo de la kontraŭ-movado. Pluraj gravaj asocioj ricevis specialan lokon en la forumo – la Tendaron, – kie ili diskonigas siajn agadojn. Aliaj bojkotas la aranĝon: la Forumo akceptas kiel patronojn iujn multnaciajn firmaojn, kiuj rekte kontraŭas per siaj agadoj, ekzemple, daŭrigeblan, medirespekteman disvolvadon. Unu el la kontraŭantoj, *Greenpeace*, akuzas la Forumon mem pri agresema aktivado kontraŭ la medio per la "proprigo" de konsiderinda parto de la maro (laŭ la organizantoj, du kvadrataj kilometroj de la maro estis "venkitaj" – Red.). Aliaj puŝas la kritikojn pli kernen: la Forumo serĉas nedaŭrigeblan disvolvon, ĉar ĝi celas nur novajn formojn de kreskado en la turisma kaj serva sektoroj; aŭ eĉ ĝia diskonigo de aliaj, "folklorecigitaj" kulturoj celas nur kaperon de novaj merkatoj. Tiu kritiko enradikiĝis ĉefe en progresemaj junularaj medioj, kaj ekzemple malmultaj junaj lokaj esperantistoj partoprenemas en la Monda Junulara Forumo.

Sen konsidero de la gravaj duboj pri la aranĝo, la Forumo indas partoprenon: temas ja pri interesa kultura *Disneyland* pri modaj progresemaj terminoj... Bedaŭrinde la prezoj montriĝas konsiderinda barilo (ĉefe por la *Dialogoj*, kiuj multekostegas), kaj la partoprennombro en la unuaj semajnoj situis rimarkeble sub la prognozoj.

### Fakte

De la 20a ĝis la 23a de majo okazis en Barcelono la Deka Kongreso de Linguapax kun la ĉeftemo "Dialogo pri Lingva Diverseco, Daŭripova Evoluo kaj Paco", organizita de la Instituto Linguapax lige kun la Universala Forumo de Kulturoj *Barcelono 2004*. La Instituto Linguapax, kun sidejo en Barcelono, estas la heredinto de la samnoma agado de Unesko.

La kongreson partoprenis monde konataj lingvistoj (David Crystal, Bernard Comrie k.a.). Krom la prezentoj en la pleno, la laboroj okazis en kvin paralelaj seminarioj pri Pozitivaj modeloj de lingvopolitiko kaj lingvoplanado, Studkazoj pri lingvorevigligo kaj normigo, Pritakso de la nuna socilingvistika esplorado, Lingvojuro kaj lingvorajtoj, Rolantoj favoraj al lingvodiverseco.

UEA estis reprezentita de Abel Montagut kaj Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj de Radojica Petroviæ. La prezento de Abel Montagut en unu el la seminarioj estis tre pozitiva, laŭ la juĝo de la prezentinto kaj de la prezidanto de la koncerna seminario, Lachman Khubchandani. Preskaŭ la sola obĵeto flanke de la partoprenintoj estis, ke Esperanto ne havas subtenon de ŝtato(j) kaj tial ĝi ne povas disvastiĝi. Radojica Petroviæ prezentis tri E-projektojn de E@I, ILEI kaj Hesselbom Berlin GMBH, kiuj subtenas lingvan diversecon per praktikaj rimedoj kaj efektiva agado: Lingva Prismo, lernu! kaj Interkulturo, kiujn finance helpas la usona fondaĵo Esperantic Studies Foundation (ESF) kaj kelkaj neesperantistaj fondaĵoj. Pli detale pri la evento – ĉe www.barcelona2004.org. (el GazKomoj de UEA)

## Bonega informanto pri la ukraina kant-kulturo!



**Ukrainaj kantoj en Esperanto.** KD kun 20 titoloj (50 min.). Eldonkvanto – 100 ekz. Kievo, 2004.

*Pavel Moĵaev, Ukrainio*

Antaŭ ioma tempo miajn manojn trafis la disko *Israela bukedo*, prezentanta E-e la tradician muzikan kulturon de la juda popolo. Tiam mi estis ravita de la ideo, ke per E-o vere facilas konatiĝi kun aliaj kulturoj. Kvazaŭ subtene al mia ideo min "trovis" la disko *Ukrainaj kantoj*. Kaj eĉ mi, ukrainiano, kiu opiniis sin ne tute fremda al la ukraina kulturo, trovis multon interesan.

La disko, eldonita de la Kieva societo por subteno kaj defendo de ukraina kulturo *Espero*, celas, mi diru, "subtenon per disvastigo". Kaj ĉi tiun mision la disko plenumas plej trafe. 20 kantoj de plej diversaj specoj, profesie registritaj kaj tre altnivele plenumitaj, prezentas la ukrainan kulturon tre multaspekte. La kantoj estas plenumitaj de kvar kantistoj (du virinoj – N. Ivanova kaj O. Mirgorodskaja kaj du viroj – M. Lineckij kaj M. Ŝabala) laŭ gitar-akompano (M. Ŝabala), kiu feliĉe estas sufiĉe modera kaj neniam tiras atenton al si. Fojfoje sonas kelkaj blovmuzikiloj (M. Lineckij). La plimulto de la kantoj estas prezentita multvoĉe, la malplimulton prezentas apartaj kantistoj.

Kaj la prezentado vere estas brila! Speciale por la dezirantoj pli intime konatiĝi kun la ukrainaj lingvo kaj kulturo fine de ĉiu kanto la plenumantoj ripetas la unuan strofon en la ukraina lingvo. En la tekstolibreto troviĝas ne nur la E-lingvaj tekstoj, sed ankaŭ la ukrainlingvaj, kaj eĉ transliterumo de la originalo E-litere. Krome, komence de la kantaro estas skizeto pri la popolaj kantoj (L. Lineckaja), pri la disko kaj informo pri la Societo *Espero*.

Unuvorte – modela E-disko, mirinde kaj ĝuinde kombinanta Esperanton kun la ukraina! Koncerne la lingvaĵon, ĝi estas tre facila kaj preskaŭ senriproĉa. Mi trovis nur du-tri pli-malpli seriozajn misojn. Multe suferis la artikolo, kiu jen estas uzata kiel nura ŝtopil-vorto, jen forestas en la plej necesaj lokoj.

La prononco ĉiam estas mirinde klara kaj la vortoj tre facile percepteblaj, tamen la plenumantoj kantas kun sufiĉe forta orientslava akĉento, tromoligante kelkajn konsonantojn kaj iom forviŝante la lastajn sonojn de la vortoj.

Bilance – la disko estas tre altnivela produkto kaj bonega informanto pri la ukraina kanta kulturo. Mi certas, ke la dezirantoj havi ĝin ne estos seniluziigitaj. Bonan konatiĝon!

### <Kontaktu>

Mikaelo Lineckij <ml@espero.kiev.ua>; aŭ: p.k. 91, Kiev-201, UA-04201, Ukrainio. Iom pli poste eblos mendi la KD-on ĉe LS de REU, FEL-butiko, LS de UEA kaj de aliaj libroservoj.





### Kiel sendi kontribuojn al *Kontakto*?

- ✔ sendu prefere tekston originale verkitan en Esperanto aŭ foton/bildon memfaritan
- ✔ se vi sendas tradukon, bv. indiki la originajn fontojn, lingvon kaj aŭtoron. Ĉe fabelo indiku, ĉu ĝi estas popola (kaj de kiu popolo) aŭ verkita de vi
- ✔ *Kontakto* ne estas movada revuo, do *ne sendu al ĝi primovadajn raportojn!*
- ✔ indiku, ĉu via artikolo jam aperis, aŭ estas proponata al alia revuo
- ✔ fotoj devas esti bonkvalitaj, ne gravas ĉu nigrablankaj, ĉu koloraj. Ne forgesu aldoni la nomon de la artisto aŭ de la fotinto!
- ✔ dikajn kovertojn prefere sendu registritaj
- ✔ rete bv. sendi vian artikolon kiel kutiman retmesaĝon aŭ RTF (bv. uzi x-kodigon por supersignaj literoj); bildojn – kiel JPEG (150-300 dpi)
- ✔ ilustraĵoj kaj adresoj en la Interreto, kiuj rilatas al via temo, estas tre bonvenaj! **Koran antaŭdankon!**

### ABONKOTIZO por Kontakto

| Lando/valuto | sumo |
|---|---|
| Argentino/eŭro | 10 |
| Aŭstralio/dolaro | 33 |
| Aŭstrio/eŭro | 20 |
| Belgio/eŭro | 20 |
| Brazilo/eŭro | 10 |
| Britio/pundo | 14 |
| Bulgario/eŭro | 10 |
| Ĉeĥio/krono | 430 |
| Danio/krono | 155 |
| Finnlando/eŭro | 20 |
| Francio/eŭro | 20 |
| Germanio/eŭro | 20 |
| Greklando/eŭro | 20 |
| Hispanio/eŭro | 20 |
| Hungario/forinto | 3200 |
| Irlando/eŭro | 20 |
| Islando/eŭro | 19 |
| Israelo/eŭro | 16 |
| Italio/eŭro | 20 |
| Japanio/eno | 2500 |
| Kanado/dolaro | 29 |
| Nederlando/eŭro | 20 |
| Norvegio/krono | 160 |
| Nov-Zelando/dolaro | 39 |
| Pollando/eŭro | 10 |
| Portugalio/eŭro | 20 |
| Rusio/eŭro | 10 |
| Slovakio/krono | 490 |
| Svedio/krono | 185 |
| Svislando/franko | 30 |
| Ukrainio/eŭro | 10 |
| Usono/dolaro | 22 |
| TARIFO A/eŭro | 13 |
| TARIFO B/eŭro | 10 |

ALIAJ LANDOJ:
Luksemburgio laŭ Belgio;
San-Marino laŭ Italio;
Liĥtenŝtejno laŭ Svislando.
TARIFO A: Honkongo, Korea Respubliko, Malto, Singapuro, Sud-Afriko, Tajvano.
TARIFO B: Ĉiuj ceteraj landoj ne jam menciitaj.

### Ĉu vi serĉas korespondamikon?

Sendu al *Koresponda Servo Mondskala* jenajn detalojn: nomo, adreso, sekso, aĝo, profesio, geedza stato, kiom da korespondantoj vi deziras, en kiuj landoj kaj pri kiuj temoj. Kunsendu 2 internaciajn respondkuponojn, aŭ, se ili ne estas aĉeteblaj en via lando, neuzitan poŝtmarkon. KSM pludonos viajn informojn al alia(j) korespondemulo(j), kiu(j) konformas al viaj deziroj. Vi ricevos rektan respondon.

KSM estas servo de UEA.
Koresponda Servo Mondskala; B.P. 6
FR-55000 Longeville-en-Barrois
Francio


***Kontakto***: Dumonata socikultura revuo de **Tutmonda Esperantista Junulara Organizo** (TEJO), eldonata de **Universala Esperanto-Asocio** (UEA). **Fondita** en 1963. **N-ro 201** (2004:3), 41a jarkolekto. **ISSN** 0023-3692. **Legata** en ĉ. 90 landoj. **TTT-paĝo:** <http://www.tejo.org/eldonoj.jsp>. **Eldonanto** (administrado, abonoj, anoncoj): **UEA:** ✉ Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando; tel.: +31 10 436 10 44, fakso: +31 10 436 17 51; ret-adreso: <uea@inter.nl.net>. **Redakcio:** *Kontakto*, p/k 89, UA-01030, Kievo-30 Ukrainio; ret-adreso: <kontakto@tejo.org>. **Redaktoro:** Eugenia Zvereva (Ukrainio). **Vicredaktoro:** Joel Amis (Usono/Nederlando). **Ĉef-korektisto:** Pavel Moĵajev (Ukrainio) **Kovrilo:** Alex Kobzenko. **Presado:** Skonpres, Bydgoszcz (Pollando), ret-adreso: <skonpres@poczta.onet.pl>. **Konstantaj kunlaborantoj:** Joel Amis (Usono/Nederlando), Giancarlo Baraldi (Italio), Alex Kadar (Francio), Morteza Mirbaghian (Irano), Òshó-Davies Olúwàbùnmi (Niĝerio), Saliko, (Finnlando), Behrouz Soroushian (Irano/Francio), Zhang Xuesong (Ĉinio). **Facillingvaj artikoloj** estas verkitaj en la niveloj t*re facila* kaj *facila,* laŭ la vortolisto de *Kontakto*. Tiu listo aperas kun la unua numero ĉiujara. **Anonctarifo:** Tutpaĝa 350 EUR, 1/2-paĝa 190 EUR, 1/4-paĝa 100 EUR, 1/8-paĝa 55 EUR, 1/16-paĝa 30 EUR. Anoncoj sur kovrilpaĝoj kostas duoble. Por E-organizaĵoj 50% da rabato. Varbantoj de ekstermovadaj anoncoj ricevas makleraĵon de 30 %. Por anoncoj bv. kontakti UEA. **Anoncetoj:** por *Anonctabulo* kostas tri internaciajn respondkuponojn por dek vortoj. Bv. sendi rekte al la redakcio aŭ al UEA. **Abontarifo:** varias laŭlande. Petu informojn de UEA. **Malfortvidantoj:** povas ricevi voĉlegitan eldonon senpage. Sendu du 60-minutajn kasedojn al Elise Lauwen, Fort Alexanderstraat 16, NL-5241 XG Rosmalen, Nederlando. ***Kontakto* en radioj:** Regiono / tempo (UTC) / metroj / frekvencoj (kHz)): *Radio Havano (Kubo)* Okcidenta kaj Norda Ameriko kaj Pacifika Azio/ 7:00/31/9 820; Tuta Ameriko kaj Karibio / 15:00, 23:30/25/11 760; Eŭropo Mediteranea/ 19:30, 22.00/21/13 715; <http://216.138.240.229/rc4> (je la 15a horo UTC), <http://roi.orf.at/esperanto/es_demand.html> (laŭ mendo tra la servilo de Austria Radio Internacia). *Pola Radio:* elsendoj:13:30/41,23/7 275; ripetoj: 18:00/42.07/7 130; 20:00 kaj 9:30 sekvan tagon (nur per satelito). La satelita ricevo eblas per: Eutelsat II F – 6 – Hot Bird – 13 gradoj de la orienta latitudo; frekfenco 11,474 GHz, polarizado horizontala (H); subportanto 7,38 MHz. <http://www.wrn.org/ondemand/poland.html>, <http://www.radio.com.pl/polonia/esperanto_eo.asp>, <http://start.at/retradio> ***La redakcio kaj la eldonanto ne respondecas pri la opinioj de unuopaj aŭtoroj.***

# Detektivoj kaj enigmemuloj serĉataj!

En la antaŭa numero, *Kontakto* lanĉis fotokonkurson. Kaj jen la unuaj fotoj, kiuj alvenis al la redakcio! La fotinto estas Sjoerd Bosga, Nederlando/Svedio. Dankegon, Sjoerd, al vi!

Ĉu vi supozas, ke la redakcio forgesis subskribi la fotojn? Neniel! Simple temas pri plia (aŭ, pli ĝuste, plivastigo de la antaŭe anoncita) *Kontakto*-konkurso! Ĉiuj konkursaj fotoj dividiĝas en du specojn: "normalaj" kaj "enigmaj", kies signifon malfacilas diveni. La tasko estas jena: elpensi interesan subskribon por la "normalaj" fotoj (ĝis du-paĝaj laŭ la longeco, se ili tre inspiras vin :-) ) kaj/aŭ diveni, kion montras la enigma(j) foto(j) – kiun objekton, aŭ, se tio klaras, kiun lokon (landon, urbon ktp.). Foje malfacilas solvi tiujn fotoenigmojn, kaj pro tio *Kontakto* havas ankoraŭ unu premi-kategorion – por tiuj, kiuj elpensos la plej amuzan misan subskribon por la "enigmo(j)". Ĉiuj konkursaj fotoj havas sian propran numeron kaj klarignoteton ("n" – "normala" aŭ "e" – "enigma"). Do, ne forgesu indiki, por kiu foto vi sendis la subskribon.

Eble ankaŭ vi fotas kaj volas, ke viajn fotojn kaj/aŭ fotoenigmojn oni vidu en pli ol 90 landoj. Tial, sendu ilin al la redakcio (ne forgesu tamen sciigi la solvon de la enigmo kaj vian varianton de subskribo): Ĵenja Zvereva, p.k. 89, UA-01030, Kiev-30, Ukrainio, aŭ <kontakto@tejo.org> (en jpg-formato, 300 dpi). Se la fotoj estas tre grandaj (entute pli ol unu megabajto), bv. uzi alian ret-adreson: <eugenia_zvereva @web.de>. La gajnintoj de la konkurso ricevos valorajn premiojn! La gajnintaj fotoj kaj la subskriboj (kun la fotoj) publikiĝos post iom da tempo.



1E


2E


3N


4N


5N


6E